# Germana Esperantisto

## Der Deutsche Esperantist

Oficiala Organo de
Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.)
kaj de aliaj esperantistaj unuiĝoj



Offizielles Organ des
Deutschen Esperanto-Bundes E. V.
und anderer Esperantisten-Vereinigungen

**Prezo:**
por jaro Sm. 1,500 :: Provabono por 6 monatoj Sm. 0,750
**Anoncoj:**
Vidu tarifon en la anonca parto.

**Preis:**
pro Jahr M. 3,— :: 6 monatl. Probeabonnement M. 1,50
**Anzeigen:**
Siehe Tarif im Anzeigenteil.

8a Jaro. No. 7. || Redaktion und Administration: Berlin SW., Lindenstr. 18/19 || Julio 1911

**Avizo.** Kiel kutime, ni ankaŭ en tiu ĉi jaro kunigos du numerojn de nia ĵurnalo en unu duoblan kajeron. Sekve la proksimaj numeroj aperos la 10an de Aŭgusto (duobla kajero) kaj la 1an de Oktobro. Germana Esperantisto.

# La 6a Germana Esperanto-Kongreso.

## Antaŭkongreso en Hamburg 23. k. 24. 6.

Granda nombro de la kongresanoj renkontiĝis sabaton vespere en Hamburg. La kaŭzo, kial oni destinis la unuan pentekostan tagon por la vizito al Hamburg, estis la granda kunveno de la Bontemplanoj, ĉe kiu ni volis propagandi por Esperanto. La ekzamena komisio laboris jam la tutan tagon, ekzamenante 12 gesinjorojn. La oficialaj aranĝaĵoj en Hamburg komenciĝis per salutvespero en kafejo „Alsterblick". Estis granda kafejo, plena je esperantistoj, kiuj ĝojis, revidi sin reciproke. Je la 8½ a la prezidanto de G. E. A., S-ro Dro Mybs, salutis la venintojn per koraj vortoj, deziris al la kongreso plenan sukceson kaj al ĉiu partoprenonto belajn tagojn. Poste li transdonis la prezidantecon al S-ro Hoffmeister, la prezidanto de la Hamburga grupo „Verda Stelo". Nun longa vico da deklamoj, kantoj kaj paroladoj sekvis kaj ĝojigis la ĉeestantaron, kiu ankoraŭ longe festis. Interalie 10-jara knabino recitis longan poemon, speciale faritan por tiu vespero.

Belega suno logis la sekvantan matenon la esperantistojn rigardi de sur grandaj, flagornamitaj veturiloj la vidindaĵojn de la urbo kaj la zoologian ĝardenon de Hagenbeck en Stellingen. Tiu ĉi „bestparko", kiel ĝi estas nomata, estas fame konata en la tuta mondo, ĉar ĝi estas la sola tiuspeca. La sovaĝaj bestoj tie ne estas en kaĝoj, sed ŝajne tute en libereco. Ili estas apartigitaj de la publiko per nevideblaj akvokanaloj kaŝitaj malantaŭ kreskaĵoj. Tiu ĉi akvo tute malebligas al ili, salti inter la rigardantojn. Specialan intereson meritas la leonoj, kiuj kviete rigardadas la homojn. La ĝardeno estis plenega, kaj la esperanta interparolado allogis pli ol unu fremdulon, kiu scivole aŭskultis kaj petis klarigon. Reveturante tra la urbo, ni vidis la Alster, la urbdomon kaj aliajn konstruaĵojn, iris al la haveno, kiu estis vizitata ŝipe. Dum 2 horoj la vaporŝipeto veturis zigzage tra la imponaj havenoj. Kvankam festotage la ŝipa vivo mankas, tiu veturado tamen donas imagon pri la bruado kaj maltrankvilo, kiu semajntage regas tie. Jen ni vidis grandegajn vaporŝipojn por la amerika vojo, provizantajn sin je nutraĵoj kaj karbo, jen vaporŝipojn, kiuj estas ŝarĝataj, jen velŝipojn grandegajn kaj amason da pli malgrandaj; aliloke levilegojn, malplenigantajn la ŝipinternaĵojn ktp. Dum la posta tagmanĝo ni aŭskultis kelkajn spritajn tostojn kaj tiam rapidis al „Wilhelms-Gymnasium", por ĉeesti la bonegan paroladon de S-ro Prof. Rohrbach, antaŭ la Bontemplanoj. Bedaŭrinde ĝi ne estis tre multnombre vizitata. Sed malgraŭ tio la tago en Hamburg estis bona kaj espereble sukcesiga; ĉar la partoprenintoj — ni ĝoje povas konstati tion — parolis esperante, kie ajn ili estis kaj per tio atentigis multajn personojn. Ni esperu, ke la semo ekĝermos kaj alportos al niaj Hamburgaj amikoj, se ne multajn, tamen kelkajn des pli fervorajn samideanojn! Tio estis nia deziro je la adiaŭo el tiu impona komerca urbo. Vespere je la 7a ĉiuj veturis al Lübeck, por tie komenci la laboron. *Käthe Jahns.*

## La kongreso en Lübeck.

Denove pasis nia ĉiujara kongreso, kaj la multnombra ĉeestintaro revenis kun nova rikoltaĵo, kun pliriĉigitaj spertoj kaj — ni certe kredas — kun belaj rememoroj. Ĉiuj niaj kongresoj havas duoblan celon, duoblan rezultaton, de kies grandeco dependas la sukceso de tia kunveno. Unue, kaj tio estas la esenca celo de l' naciaj kongresoj, oni laboras, oni organizas kaj pritraktas interne de niaj esperantaj vicoj. — Nur due ni volas fari propagandon inter la neesperantistoj; tamen tiu dua tasko de l' kongreso ankaŭ ne devas

esti tro malalte taksata. Kvankam la efikeco de nia 6a Kongreso plene montriĝos nur en la estonteco, ni tamen povas konstati jam nun, ke ĝi estas unu el la plej sukcesaj, plej fruktodonaj.

En propaganda rilato, la loĝantaro de l' du kongresurboj, Hamburg kaj Lübeck, nepre sciiĝis pri Esperanto, ĉar la ĉiutagaj gazetoj sufiĉe informis pri ĉiuj okazintaĵoj de la kongreso. Kaj interesa fakto estas, ke la germanaj esperantistoj mem plej detale eksciis el la neesperantaj gazetoj, kion faris la kongresanoj en Lübeck. —

Post tiom da ĉirkaŭbabilado ni nun transiru al la efektivaj kongresaferoj, kiel ili okazis de 5a ĝis la 7a de Junio.

**1a tago.**

En la haloj de „Societo por la antaŭenhelpo de komunutila laborado" S-ro Dro Mybs, la prezidanto de G. E. A. solene malfermis la kongreson, kiu staris sub la protekto de lia moŝto la urbestro Eschenburg. Dro Mybs eldiris vortojn de danko al la senato kaj burĝaro de Lübeck kaj al la lernejestraro, kiuj multe helpis la organizadon de la kongreso; precipe la lasta kiu disponigis la „Katharinen-Kirche" por la celoj de granda ekspozicio*).

„Dankon," li diris proksimume, „ni ŝuldas ankaŭ al S-ro Dro Möbusz, kiu tiel efike laboris en Lübeck por la kongreso, kies preparo postulis multege da peno. Same ni dankas la komitatojn, kiuj subtenis tiujn antaŭlaborojn. Sed samtempe ni ne devas forgesi la presistaron, kiu per sia intereso al nia afero akiris grandajn meritojn; ni nur esperas, ke tiu intereso postvivos por ĉiam la kongreson. — Kaj nun kelkajn vortojn pri nia kongreso mem. Hodiaŭ nia tasko estas tute alia, ol ĝi estis en Gotha. Tie ni devis krei organizaĵon, tie ĉi ni nur korektos kelkajn eraretojn, tiam faritajn. Ĝenerale nia asocio ja montris sin tute taŭga. — Unuavice ni volas celi pli intensan propagandon; ni ne forgesu: ni estas praktikuloj. Ni ne estas serĉantoj, sed trovintoj, ni ne volas eltrovi lingvon, ni posedas ĝin, uzatan en ĉiuj okazoj kaj de ĉiuj nacioj, pruvintan sian taŭgecon en 6 internaciaj kongresoj plensukcesaj. — Tie ĉi mi denove memorigas, ke ni ne volas havi mondlingvon, ni nur celas helpan komprenilon internacian, ne tuŝantan la naciajn idiomojn, male, plifirmigantan ilian ekziston kaj ŝatatecon. Klariginte tion al la ĉeestantaj neesperantistoj, mi nun kore salutas ĉiujn venintajn samideanojn el la plej diversaj partoj de Germanujo, el Augsburg kaj Schleswig, el Stuttgart kaj Danzig, Breslau kaj Köln, Frankfurt kaj Dresden kaj el la multaj aliaj lokoj, kies nomon mi ne menciis. — Fine permesu, ke mi aparte salutu en Esperanto la alilandajn gastojn, venintajn al nia germana kongreso:

Tre estimataj geamikoj! El fremdaj landoj vi estas venintaj por festi kun ni la sesan Germanan Esperanto-Kongreson, kaj en la nomo de Germana Esperanto-Asocio mi vin salutas korege. Mi vin nomis „amikoj", ĉar mi bone scias, ke la sama entuziasmo por nia kara lingvo Esperanto, la sama amo al la Majstro kunigas nin, kaj ke landlimoj ne estas kapablaj malhelpi tiun noblan senton! — Vi trovas ĉi tie antikvan, plej faman kaj interesan urbon. Ĉe preskaŭ ĉiu paŝo la estinteco parolas al vi, kaj oni miras pri la amaso da preĝejoj, da altaj turoj, antikvaj muroj, domoj kaj domegoj. Se la vespera ĉielruĝo origas la belan urbon, vi eĉ reekkonos je la okcidenta ĉielo la belegan silueton, kiun vi ja trovis en gazetoj kaj sur la invitletero, kiun ni sendis al vi. — Kore ni esperas, ke vi sentos vin hejmaj ĉi tie, kaj denove mi deziras al vi koran bonvenon, karaj gesamideanoj!" —

Tiun multe aplaŭditan malferman paroladon de nia elokventa prezidanto sekvis la laŭtlegado de la multaj salutoj, alsenditaj letere al la kongreso. — Oni sendis telegramojn al lia imperiestra moŝto, Wilhelmo IIa, al la ĉefurbestro de Augsburg kaj honora prezidanto de l' kongreso pasintjara, kortega konsilano Wolfram, kiu reprezentigis sin de S-ro Dro Ledermann al lia duka moŝto, reganto de Braunschweig kaj kompreneble al la Majstro.

Post tio S-ro Kulenkamp, senatano kaj reprezentanto de l' senato kaj de l'supera lernejestraro, salutis la kongreson kaj eldiris sian konvinkecon pri la sukceso de nia afero kaj pro tio sian plenan simpation al ĝi. Li rigardas la efektivigon de helplingvo unu el la plej gravaj kulturfaktoj.

Fininte li la paroladon, la reprezentantoj de l' multaj germanaj societoj ricevis la parolon. Ni aŭdis S-rojn Dro Möbusz-Lübeck, Stark-Magdeburg, Dro Arnhold-Dresden, Szymanowski-Bromberg, Dro Orthal-Nürnberg, Istel-Wiesbaden, Arntz-Godesberg kaj F-inon Jahns-Braunschweig. Reprezentante la Saksan Esperanto-Instituton parolis S-ro v. Frenckell-Dresden, en la nomo de l' Berlina Gruparo S-ro patentadvokato Schiff, por Varietea Ligo S-ro Rockmann-Magdeburg, por la fervojistoj S-ro gubernia konstruestro Tarnow-Barmen, en la nomo de U. E. A. S-ro Vogler-Hamburg, kaj la politeknikon de Cöthen reprezentis S-ro diplominĝeniero Kohli.

Plue parolis en la nomo de niaj amikoj el Anglujo S-ro Waddington, el Bohemujo S-ro Jakeĉ, el Danujo S-ro Hansen, el Svisujo S-ro Borel, el Svedujo S-ro Lundgreen.

Post kiam ili finis, S-ro Dro Mybs per kelkaj vortoj dankis la parolintojn. Nun li donis la parolon al la festa parolanto, S-ro universitata profesoro Dro Schmidt-Potsdam. Bedaŭrinde, pro manko da tempo, la oratoro devis mallongigi sian enhavoriĉan paroladon. Li diris proksimume la jenon, alligante siajn vortojn al la lastaj paroloj de S-ro Kulenkamp:

„Mi kredas al la estonteco de via afero kaj mi kredas al ĝi, ĉar mi konvinkiĝis pri ĝia valoro". Fakte oni bezonas ĉe ĉiu agado por granda nova afero iom da kredo, kiu, subtenata per entuziasmo por la klopodata celo, helpas venki la malfacilaĵojn kaj hezitojn, kiuj kontraŭstaras la efektivigon. Sed pri tio, ĉu la celo estas klopodinda, ĉu la vojoj estas ĝustaj kaj taŭgaj, devas juĝi prudento kaj pripensado. Malvarme pripensanta kritiko estas bezonata, precipe kiam oni turnas sin al la aro de l' eksteruloj, kiuj estas varbotaj por la afero. Tiuj rajtas postuli, ke oni ne donu al ili sente influitan prezenton, sed ke ili ricevu bildon laŭeble objektivan. Doni tian, tio estas lastinstance la tasko de l' scienco. — Sed estas esenca

*) La ekspozicio estis vera vidindaĵo. En la vastaj haloj de la preĝejo estis sufiĉe da loko por detale montri ĉion, kio koncernas Esperanton. La tuta aranĝo estis bonege kaj zorgeme farita, tiel ke la ekspozicio faris efikan impreson. Ni vidis aron da propagandiloj, lernolibroj, statistikaj tabeloj, literaturaĵoj, muzikaĵoj, korespondaĵoj ktp. Kompreneble estis montrataj ankaŭ multaj pruvoj de la praktika uzado de nia lingvo en diversaj fakoj, kaj fine ni kun ĝojo rimarkis kolekton da pupoj en diversnaciaj kostumoj, kiun Societo Esperanto Dresden siatempe jam elmontris en la tiea pupa ekspozicio.

eco de l' scienco, ke ĝi preskaŭ neniam povas senpere aliri la malsimplegajn problemojn de l' praktika vivo, kiujn ĝi estas eĉ devigata, antaŭe abstraktige simpligi. Kaj kun tio estas kunligite, ke ĝi devas ĉiam konservi la rajton, revizi sian decidon kaj en kelkaj okazoj renversi ĝin. La praktiko malofte povas atendi, ĝis kiam la scienco kapablas liveri sufiĉe certajn uzeblajn decidojn. — Ankaŭ en la jena demando ekzistas ĝis nun nur malmultaj laboroj scienckarakteraj, plej malmulte de tiaj fakscienculoj, kiuj en unua vico ŝajnas esti kompetentaj. Ilia malemo kontraŭ la afero en ĝeneraleco povas esti nur klarigata per malĝusta kompreno, kiu povas okazi facile al tiu, kiu okupas sin pri ĝi nur teorie. Tiu pretervidas, ke la artefarita fiksigo de l' lingvelementoj estas nur la unua paŝo de la lingvokreo, kiu nur poste, per la efektiva uzado, antaŭ ĉio per la iom post iom ekiĝanta literaturo elvolviĝas je lingvo en pli alta senco de l' vorto. — Ankaŭ el la principe favore juĝantoj disigas sin grupo de tiaj personoj, kiuj kredas povi elmontri esencajn mankojn de l' nun reganta idiomo. Sed estas rimarkinde, ke ankaŭ tiuj parte akrege juĝantaj reformemuloj volas nepre konservi la esencajn fundamentojn de Esperanto, kaj, krom unu punkto, ŝanĝi nur detalojn. Tiu unu punkto koncernas la sistemon de l' vortderivado. La parolanto rimarkigas pri tio, ke li juĝas malprava la teorian fundamenton, kiun formulis Profesoro Dro Ostwald, la ĉefreprezentanto de tiu grupo en Germanujo, ĉar la ĉefkondiĉo por la ebleco de tia aranĝo, (la sama potenco de ambaŭ kampoj) ne estas plenumita. — Malgraŭ tio komprenehle tiaspecaj laboroj estas sendube interesaj kaj meritoplenaj. Post centjaroj, kiam la sciencularo jam estos ĝenerale ilin partopreninta, ili certe kondukos al io praktike uzebla. La demando, ĉu kaj kiel oni tion ĉi enkonduku en la praktikon, estas tiam kompreneble aparta tasko, havanta ne sciencan, sed praktikeorganizan naturon. Enkonduko ne per iom-post-ioma akcepto, sed per subita transiro kompreneble necesigas, ke antaŭe jam estu kreita organizaĵo, kiu garantias por tio, ke ĉiu kunfaros la ŝanĝojn. Ke la reformemuloj jam nun volas efektivigi la de ili pli bona ĵuĝatan, ne havante tiun ĉi antaŭkondiĉon, estas do en la intereso de l' afero de l' helplingvo bedaŭrinde. Rigardata laŭ scienca vidpunkto, la provo estas almenaŭ trofruiĝinta, ĉar ĝi rilatas demando, pri kiu la scienco ne ankoraŭ eldiris definitivan juĝon. Tiu pretendo, ĝuste eldirita kelkafoje de Prof. Ostwald, por motivigo de tiu paŝo, ke Esperanto ne estas evolucikapabla, devas esti plej decide rifutata.

Granda aplaŭdado sekvis tiun ĉi vere gravegan paroladon, kaj kvazaŭ finefekte, pruvante la entuziasmon de l' ĉeestantaro, eksonegis sonore nia himno. —

Ĉi tie ni notas, ke antaŭ la oficiala malfermo jam kelkaj faksocietoj havis laborkunsidojn, tiel la junuloj, la instruistoj, vegetaranoj kaj ankaŭ U. E. A.

Post la parolado de Profesoro Schmidt, kiun sekvis unuhora paŭzo, estis komencata la unua laborkunsido. Ĝia ĉefaĵo estis la bonege verkita raporto de S-ro Dro Kandt-Bromberg pri la pasinta jaro, kiu montris ĉie ĝojigan progreson de nia afero en Germanujo.*)

*) La raporto estos aparte presata kaj sendota al ĉiuj grupoj de G. E. A. (Vidu Oficialan parton).

### 2a tago.

Oni daŭrigis la laboron kaj faris en la regularo de G. E. A. la ŝanĝojn kaj korektojn jam menciitajn de Dro Mybs. Jen la ĉefaj: la asocia jaro komenciĝos de nun la 1an de Januaro; la lokaj grupoj devas esprimi en nomo kaj statutoj sian apartenon al G. E. A.; la kotizaĵo estas plialtigita ĝis minimume 5 markoj po grupo, anstataŭ la ĝisnunaj 3 markoj; por tio ĉiu grupo senpage ricevas unu ekzempleron de la asocia gazeto, 2 ekzemplerojn de l' korespondfolio kaj unu jarlibron; ankaŭ por la subtenantaj membroj, studentaj kaj junulaj unioj la kotizaĵo estas 5 markoj; oni starigos por malpacetoj decidontan juĝantaron.

Post tio oni komencis la elektojn. S-ro Dro Arnhold estis elektata kasisto. Multaj konsilantaranoj lote eliĝis el siaj oficoj, sed ili estis ĉiuj reelektataj; nur anstataŭ S-ro Dro Thalwitzer oni elektis S-ron superan poŝtpraktikanton Behrendt-Breslau.

Oni decidis, ke la proksima kongreso 1912 okazu en Danzig-Zoppot.

Poste oni diskutis pri proponoj de Esperanto-Societo „Zamenhof" — Görlitz, rilatantaj la pli efikan propagandon; S-ro fabrikanto Mally-Görlitz fortege defendis la projektojn, pri kiuj diskutos detale la proksimjara asocia tago.

S-ro v. Frenckell-Dresden nun parolis kaj faris diversajn proponojn rilate al reprezentado de G. E. A. ĉe la internaciaj kongresoj, kaj pri la elektoj en la Lingvan Komitaton. Ĉiu propono estis akceptata.

Per tio finiĝis la kunsido de la dua tago, kiu estis la plej fruktodona rilate al la internaj laboroj.

### 3a tago.

La triafoje leviĝanta suno malfermis la lastan tagon de l' kongreso, dum kiu tre gravaj aferoj estis pritraktataj.

Oni decidis unue, ke la asocio aliĝu al fondota internacia societo por libertempaj hejmoj.

Rifuzita estis propono de fonograffirmo, kiu volis vendi al ĉiu grupo parolaparaton; tamen oni plue traktos kun la firmo.

Post tiuj malgravaj decidoj ni aŭdis diversajn paroladojn pri la ĉefa temo de l' hodiaŭa tago „Esperanto kaj la lernejo". S-ro Profesoro Rohrbach-Gotha parolis pri Esperanto kaj superaj kaj fakaj lernejoj. La antaŭmetitajn tezojn, kiujn ni sube represas, la kongreso akceptis kun forlaso de kelkaj vortoj:

1. Kiel celon oni fiksu la enkondukon de Esperanto kiel unua kaj en la plej subaj klasoj sola fremdlingvo.
2. La simpleco de ĝia gramatiko kaj ĝia logika konstruo igas Esperanton taŭga fundamento por la lernado de aliaj fremdlingvoj.
3. Nuntempe antaŭ ĉio kiel eble plej forta propagando estas necesa ĉe la supera instruistaro.
4. Kun zorgema alĝustiĝo al la lokaj kaj personaj cirkonstancoj, oni unue klopodu por enkonduko de laŭvola Esperanto-instruado en kiel eble plej multaj lernejoj.
5. Kolektadejo por ĉiuj tiufakaj spertoj estas bezonata.
6. Por la faklernejoj ĉiuspecaj la enkonduko de Esperanto kaj ĝia envicigo inter la ekzamenobjektojn estas baldaŭe kaj energie klopodota.

7. La metodeco de l' Esperanto-instruado estu almenaŭ en la pli altaj lernejoj konformigata al la speciala esenco de tiu lingvo kaj ĝi evitu la imiton de l' instrumanieroj uzataj por la „naturaj" lingvoj.

Post Prof. Rohrbach S-ro docento Kohli de l' Friedrichs-Polytechnikum en Cöthen eldiris siajn opiniojn pri: Esperanto kaj la akademiaj instruejoj. Li speciale atentigis pri la graveco de Esperanto-instruado en universitatoj kaj altlernejoj, ĉar la tie studantoj ja fariĝos la instruantoj de l' estoneco, kaj havos grandan influon je la tiama junularo.

Lian paroladon sekvis tiu de S-ro Dro Kandt-Bromberg, pritraktanta la temon: „Esperanto kaj la komercaj instruejoj". Laŭ lia opinio oni devus klopodi enkonduki Esperanton en la komerclernejojn kaj la komercajn altlernejojn; li ne kredas, ke oni povus jam nun sukcesi, lernigi ĝin en la perfektigaj instruejoj komercistaj.

Fine ni aŭdis la lastan paroladon, faritan de S-ro Stark-Magdeburg, pri la temo: „Esperanto kaj la popola lernejo". Ankaŭ liaj opinioj estis paragrafe formulitaj, kiel sekvas:

1. Ankaŭ tiuj popolrondoj, kiuj konsistas el antaŭaj popollernejanoj, estas jam nun tiel forte tuŝataj per la „Internaciismo", ke la scio de internacia komunika lingvo por ili estas dezirinda.

2. La internacia helplingvo Esperanto tiel malmulte postulas komprenkapablon de la lernantoj, ke ankaŭ meze talentaj popollernejanoj povas plene ellerni la lingvon.

3. La instruado de Esperanto signifas valoran pliriĉigon de la ĝenerala klereco kaj efikas treege fruktodonige je la instruado en la germana lingvo.

Ankaŭ tiuj punktoj estis akceptataj de la kongreso; S-ro Stark montris provinstruon en Esperanto kun seminaristoj; post tio oni pridiskutis la opiniojn de l' antaŭe parolintoj; dum tiu diskuto oni oficiale akceptis la suprecititajn deziresprimojn de S-roj Prof. Rohrbach kaj Stark.

Oni ankaŭ transdonis al la estraro la proponon de S-ro Kohli pri enkonduko de Esperanto en la universitatojn, same proponojn de Profesoro Lederer-Prag kaj de l' grupo Königsberg i. Pr., pri enkonduko de Esperanto en popolajn kaj perfektigajn lernejojn.

Tutlaste S-ro Wichert-Charlottenburg faris demandon, ĉu nediplomitoj povas aranĝi ekzamenojn esperantajn. Por respondi lin oni memorigis la decidon de l' lasta kongreso, laŭ kiu ĉiu povas ricevi permeson por aranĝi ekzamenojn, sed tiuokaze diplomoj ne estos eldonataj.

Per tio la kunsido finiĝis, kaj post kelkaj fermaj vortoj de S-ro Mybs la tuta kongreso estis finita.

Ĉiaj partoprenintoj povis disiri kun la trankviliga sento, ke ili ĉiuj faris utilan laboron, kiu donis novan, fortan puŝon al nia afero ĉiutage kreskanta en Germanujo.

Multaj el ili ne iris rekte hejmen, sed ĉeestis la Esperanto-Tagon en Berlin, kiu ankaŭ havis tre grandan gravecon, tiel ke pri ĝi ni aparte raportas.

*Lb.*

## Lübeck'a kongresa festaro.

Lübeck! Jam la fakto, povi resti por kelkaj tagoj en tiu malnova „Hanso-urbo", estis por ĉiuj ne-Lübeck'aj kongresanoj granda festo. La animo vastiĝis ĉe la rigardo de la multnombraj artplenaj atestoj pri la fama estinteco de la urbo, kaj nedirebla estas la ĉarmo de la malnovaj domoj kun la altaj frontoj, el kiuj multaj devenas el la mezepoko. Estas rimarkinde, ke multaj domoj, uzataj nur por komercaj celoj, tamen portas ion artan, aŭ artefaritan pordon aŭ simbolŝtonojn. Kun granda ĝojo la artamanto rimarkas, ke la urbanaro en plena kompreno de la demando pri moderna artsento, konsideras ĉe la konstruo de novaj domoj la malnovajn formojn, tiel ke la urba bildo konservas tiun belecon, kiu estas engravurita en niaj koroj, kaj kiu donis la akordon por la tuta kongreso.

La aminda gvidado de niaj Lübeck'aj amikoj kaj la bela kongresgvidlibro kun plano estis bonaj okazoj, lerni koni la urbon mem ĝis la plej malproksimaj anguloj.

La festprogramo estis riĉega kaj la nedelegitaj kongresanoj havis preskaŭ tiel multe da laboro por ĉeestadi la festojn kiel la delegitoj por la sukcesplenaj kunsidoj. Ĉirkaŭe 200 personojn kunigis la festtagmanĝo en la magistrata vinkelo, kiu parte devenas el la jaro 1220. La maljunaj kelaj fantomoj, kiuj dum longaj jarcentoj aŭdis multajn fremdajn lingvojn, el sub la arkadoj mire rigardis la gajajn homojn kun verda stelo, kiuj parolis dum la sankta pentekosto en unu lingvo. Seriozaj kaj amuzaj paroloj alternis. Dro Mybs tostis je la imperiestro, patentadvokato Schiff je la Lübeck'a urbestro Eschenburg kaj je la urbanaro, instruisto Böbs je G. E. A., urbdelegito Stark en humora maniero je Lübeck, Dro Kandt je la kongreskomitatoj, Dro Möbusz je la negermanaj samideanoj, Profesoro Dro Schmidt je nia Majstro. Sed ankaŭ la sinjorinoj, al kiuj nia movado tiel multe ŝuldas, ne estis forgesataj. — Neniu havis la impreson, ke li estis en societo de homoj, kiujn grandparte vidis sin la unuan fojon, kaj kiam la himno trasonis la kelon, ĉiu sentis en la profundo de sia koro, ke ĉiuj ĉeestantoj estas unu granda familio.

La vespero vidis la samideanojn en la „Forsthalle de Israelsdorf" kien la vojo gvidis tra belegaj altaj fagoj, montrante al ni, ke ankaŭ la ĉirkaŭaĵo de Lübeck estas ĉarmplena. La granda restoracia ĝardeno estis iluminata per multnombraj lumiloj, kaj muzikorkestro aŭdigis belajn melodiojn, ankaŭ nian himnon. Oni vendis lampionojn kun verda stelo, ankaŭ al neesperantistaj vizitantoj de la restoracio, kio estis bona propagando por ni. Estis ravanta fabela bildo, kiam dum la hejmiro ĉie tra la malhelo de la arbaro brilis nia esperanta signo. —

Schwartau estis la celo por la mateno de l' venonta tago, kaj multaj samideanoj ĝuis la vaporŝipan ekskurson sur la Trave kaj la arbarpromenadon. La posttagmezo prezentis al ni grandan artĝuon. En la „Schabbelhaus", muzeo de Lübeck'aj antikvaĵoj, estis aranĝita agrabla kafa babilado. Belaj Lübeck'aj junulinoj en nacia vestaĵo alportis la kafon. Intertempe aperis „Charlotte" Lübeck'a humorplena maljuna originalulo, kiu salutis nin, kaj kiu tre miris pri la nova lingvo „Esmeraldo" kiel li nomis nian lingvon. — La internaĵo de la „Schabbelhaus" enhavas multajn valorajn antikvaĵojn el la Lübeck'a estinteco. Estas tre bona ideo, ke oni ne montras la objektojn laŭ la kutima maniero malantaŭ vitroj kaj klasigitajn laŭ certaj skemoj, sed ke oni aranĝis kompletajn ĉambrojn, kiel ili estis en la tempo de la prapatroj. Oni vidas i. a.

malnovan Lübeck'an kontoron, magazenon, kaj plene aranĝitan ĉambron en la pedanta (Zopf) stilo. — Nur nevolonte ni forlasis tiun ĉi belan lokon por viziti la grandan vinkelon de Engelhard & Söhne, kie ni estis afable akceptataj, kaj post la riĉe donitaj provoj ni povis konstati, kiom multege da bonaj vinoj tie kuŝas.

Sed la plezura laboro de tiu ĉi tago estis ne ankoraŭ finita! Sekvis bela preĝeja koncerto en la „Marienkirche". La orgenisto Lichtwark ludis lerte la grandegan orgenon, kies antaŭaĵo estas el la jaro 1516; vira horo de la Lübeck'a seminario ĝojigis nin per kelkaj bone prezentitaj kantoj. Poste ni havis la grandan ĝuon rigardi la internaĵon de tiu ĉi fama preĝejo, kies konstruado jam komenciĝis en la jaro 1286. Estas neeble priskribi en malgranda raporto la abundon kaj la belecon de la vidindaĵoj. La riĉeco de la artobjektoj, skulptaĵoj el ŝtono, ligno kaj metalo, pentraĵoj, inter ili danco de la morto, tre interesa astronomia horloĝo, estas nedirebla kaj montras plej bone la iaman potencon kaj grandecon de la malnova Hanso-urbo. La preĝejo ankaŭ entenas en bone fermita loko la malnovajn dokumentojn pri la rajtoj de la urbo, inter ili la liberigan leteron el la jaro 1188. Nia gvidanto klarigis al ni kun granda afableco kaj precizeco ĉion vidindan, kaj ni dankas al li denove en tiu ĉi loko por ĉio.

Se vi kredas, kara leganto, ke ni nun sufiĉe laboris en tiu ĉi tago, vi eraras, ĉar antaŭ ni ja ankoraŭ estas la vespero kaj la nokto. — La programo anoncis biervesperon en la „Schifferhaus" (ŝipista domo), ĉe kandela lumigado. Du pordistoj en antikva Lübeck'a vestaĵo akceptis nin ĉe la enirejo kun la surskribo: „Plaĉi al ĉiuj, estas neeble", kaj denove ni estis en interesa domo, kiun jam en la jaro 1535 vizitis la marveturistoj. Modeloj de la malnovaj ŝipoj pendis de la plafono, en grandaj lanternoj turniĝis ombrobildoj kaj artecaj metalaj kandelingoj portis multnombrajn kandelojn, kies agrabla lumo brilis sur la vizaĝojn de niaj gajaj samideanoj, kiuj ĉe deklamoj kaj komunaj kantoj travivis belajn horojn. Per la helpo de biero „Charlotte" estis farinta progreson en nia lingvo, kaj li kriis en la salonegon „Vivo Esporanto". — Unu kandelo post la alia estingiĝis, la ombroj de la estinteco grandiĝis kaj malleviĝis sur la gajajn samideanojn, kiuj ne deziris foriri de tiu ĉi interesa loko. —

La 7an de Junio portis nin la vaporŝipo „Condor" surhavante la esperantan flagon, al Travemünde kaj en la maron. Esperanto tie ĉi pruvis denove sian martaŭgecon, ĉar ĉiuj samideanoj restis sanaj. En Travemünde ni havis ankaŭ okazon vidi stacion por la savado al ŝipistoj en danĝero, kaj la estro de tiu ĉi stacio klarigis al ni ĉiujn aranĝojn. Ĉe tiu ĉi okazo ni trovis novan ekzemplon por la neceseco de mondlingvo; la ŝnuregoj, kiuj estas ĵetataj per raketo al la ŝipo en danĝero, troviĝas tola afiŝo pri la uzado de la ĵetita ŝnurego, en germana kaj angla lingvoj. En ĉiuj okazoj, en kiuj la ricevantoj ne komprenas unu el tiu ĉi du lingvoj, oni perdas tempon, kaj en granda danĝero ĉiu sekundo estas valora. Tial estas dezirinde, ke tiuj ĉi afiŝoj estu skribataj krom en la nacia lingvo ankaŭ en Esperanto. — Ke la esperantistoj ankaŭ estas bonaj dancistoj, pruvis la vespero de tiu ĉi tago, ĉar la salonego de la „Kurhaus" de Travemünde vidis multajn dancantojn kun la verda stelo. La aliaj samideanoj ĝuis la sorĉon de la nokto ĉe la marbordo, ĝis la speciala vagonaro rekondukis nin Lübeck'on.

Novajn belaĵojn montris al ni la sekvanta tago. Pretermigrante la „Drüsen"- kaj „Schmalsee", salutis nin, ĉirkaŭita de beletaj lagoj, la urbeto Mölln, neforgesebla vidaĝo por ĉiuj. Apud la malnova interesa preĝejo troviĝas la tombo de Till Eulenspiegel, kies tomba ŝtono el la jaro 1350 estis montrata al ni. Ĝis Mölln ĉio okazis laŭprograme, sed ŝajnis, ke en tiu ĉi urbo la spirito de Till regis iomete en la tago de nia vizito. La hotelisto, ĉe kiu ni prenis la tagmanĝon, pretendis, ke li, laŭ ordono, estis preparinta tagmanĝojn por la duobla nombro, kiel ni estis, tamen li havis de kelkaj manĝaĵoj ne sufiĉan provizon por la ĉeestantoj! Tio ĉi estis la unua spritaĵo de Till; per la dua eraris parto el la ekskursanoj en la vojo al Ratzeburg. Sed fine, kiam ni estis sufiĉe malproksime de la regno de Till, la ĝusta vojo estis trovata kaj en gaja societo ni migradis, preterpasante la belegan Küchensee, al Ratzeburg kun ĝia malnova katedralo, fondita de Henriko la Leono. —

Kaj nun venis la lasta, sed la plej bela el niaj ekskursoj. Malgraŭ ke ni enlitiĝis la pasintan tagon longe post noktmezo, kondukis nin la vagonaro frumatene al Kiel. La vasta haveno estis traŝipata kaj admirata pro sia beleco. La intencita vizitado al granda militŝipo bedaŭrinde ne estis ebla. Ni provis ĝin ĉe tri ŝipoj, sed ĉie oni malakceptis nin; verŝajne sentis la estroj de la militŝipoj, ke la anaro proksimiĝinta sub verda stelstandardo estis pacamantoj, kiuj minacas ilian pozicion per klopodoj pri la paco! Dum la posttagmezo ni migradis trans la „Holsteinische Schweiz" al la norda paradizo, la „Uglei-See". Mia hejmo estas la bela Rheinlando kun ĝiaj vastaj arbaroj, kaj miaj okuloj estas kutimitaj al riĉaj naturbelaĵoj, tamen la beleco de tiu ĉi lago estas senkompara kaj nedirebla. Ĉirkaŭata de silentaj fagarbaroj dormas la lago malproksime de la mondbruo en arĝenta brilo; profunda mallaŭteco malleviĝas sur la animon, kaj oni sentas sin estanta super tempo kaj spaco.

Ĝis mia lasta tago
Mi devas ami vin. —
Vi pacdonanta lago
Allogas ĉiam min!

*

La vespero kunigis nin por la lasta fojo en la „Vosshaus" en Eutin, kie la prezidanto de la Eutin'a grupo salutis nin korege, kaj kie regis vere samideana sento. Ĉiu domo en Eutin havas belegan rozujon, kaj grandan aplaŭdon trovis pro tio F-ino Dschepank el Dresden, deklamante la belan versaĵon de nia aminda ĉeestanta samideanino S-ino Prof. Hankel. La skribinto de tio ĉi ankoraŭ unu fojon dankis al niaj Lübeck'aj amikoj, speciale al S-ro Dro Möbusz kaj al nia gvidanto, S-ro Max Schmidt, pro ĉio bela, kiun ni vidis per ilia afableco, por la granda laboro, kiu efektivigis la sukcesplenan 6an germanan Esperanto-kongreson, kaj la tosto trovis fortan eĥon en la granda societo.

Post la noktmezo atingis la vagonaro Lübeck'on, lasta premado de la manoj de l' novaj kaj malnovaj amikoj. „Ĝis la revido en Antwerpen kaj Danzig" aŭdiĝis ĉiam denove en la alta stacihalo, kaj ni disiris

kun la sento, ke la tagoj de Lübeck estas neforgeseble enskribitaj en nia koro. —

La plenluno ĵetis sian lumon de la klara ĉielo sur la urbon, la radioj glitis preter la obstinegan „Holstentor", ili suprenrampis la sep turojn, kaj pentris sur la verdaj kuprotegmentoj sorĉplenan bildon. La fama estinteco de la malnova Hanso-urbo vekiĝis kaj donis la manon al la modernaj ideoj, el kiuj unu transflugis la urbon sur la vojo al la venko:

Nia Esperanto!

*Ludwig Istel-Wiesbaden.*

## „Esperanto kaj la lernejo."

La Lübeck'a Kongreso pritraktis ĉi tiun temon la lastan kongrestagon dum preskaŭ 4 horoj.

Ni aŭdis la tre interesajn paroladojn de S-roj Prof. Rohrbach, Stark, Kohli, Dro Kandt, kaj dum la diskutado la sciigojn de multaj samideanoj pri iliaj spertoj kaj sukcesoj interesi la diversajn instruad-administrantarojn por nia movado. Fine oni preskaŭ unuanime aprobis la presitajn tezojn, kaj pro manko da tempo la diskutado pri la temo finiĝis.

Neniu el la parolintoj, escepte la verkinto de tiu ĉi artikolo, pritraktis la demandon „kion G. E. A. jam nun povas entrepreni por fari antaŭenpaŝeton al la almilito de la lernejoj. Esplori ĉi tiun gravegan demandon certe estus estinta la ĉefa tasko de la kongreso. En la nomo kaj komisiite de la Breslau'a grupo, mi faris tre detalan praktikan proponon, sed mi estis la lasta parolinto, kvankam ankoraŭ 6 nomoj staris sur la listo, sed propono pri fino de la diskutoj estis akceptata.

La prezidanto petis la parolintojn, sendi skribajn raportojn pri iliaj eldiritaĵoj kaj, ĉar laŭ mia opinio nia propono estas tre konsiderinda, mi permesas al mi, submeti ĝin al la prijuĝo de la tuta germana Esperantistaro.

La nuna situacio estas jena. En kelkaj urboj de Germanujo instruistoj kaj aliaj fervoraj gesamideanoj sukcesis instrui private malgrandan nombron da lernejanoj, kaj la rezultatoj estis, ke la lernintoj dum mallonga tempo akiris tre bonajn sciojn en la lingvo.

Tiaj sukcesoj dependis ĝis nun de la profesia kaj societa rilatoj de la iniciatintoj. Esperantistaj pedagogoj, ekzemple S-roj Prof. Rohrbach, Prof. Christaller, Dro Möbusz, Stark, Rockmann k. a., tre facile povas aranĝi kursojn kun kelkaj lernejanoj, dum en multaj aliaj lokoj, fervoregaj propagandistoj, kaj taŭgaj instruantoj nenion povas atingi, ĉar ili ne havas titolojn, aŭ interrilatojn kun la pedagogaro de siaj lokoj. Tiuj ĉi samideanoj faras la plej fortajn klopodojn por penetri en la lernejojn, sed ili estas ĉiam rifuzataj. La Breslau'a grupo petis ekzemple la urban lernej-deputitaron instruigi per ĝi 15—20 popollernejanojn de la 1a klaso, senpage dum 6—8 monatoj. Poste la grupo volis aranĝi publikan ekzamenon, al kiu estis invitota la instruistaro, por tiamaniere doni al ĝi praktikan pruvon, kiujn sciojn en la lingvo Esperanto popollernejanoj povas akiri dum mallonga tempo. Kvankam la 2 lernejinspektoroj, kun kiuj mi persone antaŭe estis priparolinta la aferon detale, nian eksperimenton nepre aprobis, kaj eĉ promesis al mi, rekomendi ĝin en la kunsido de la deputitaro, ni tamen ricevis rifuzon, kaj en persona konferenco, kiun mi poste havis pro tio kun la estro de nia urba lernej-administrantaro, tiu ĉi sinjoro donis al mi la respondon: „Por tiaj eksperimentoj niaj lernejanoj estas tro valoraj. Kian praktikan utilon havas por ili la lernado de lingvo, kiu eble nur post 40 - 50 jaroj estos iomete uzata en la praktika ĉiutaga vivo?" Se ne mi, modesta komercisto, sed iu, en nia urbo konata scienculo estus estinta la iniciatinto, la sukceso verŝajne estus estinta alia.

Do nuntempe la progreso de nia granda afero dependas de la sociala kaj societa rangoj de niaj diversurbaj gvidantoj. Tio estas nepre malinda stato, kiun ni baldaŭege devas malaperigi. G. E. A., kiel la reprezentanto de la organizita esperantistaro de Germanujo devas oficiale surpreni tiajn klopodojn, kaj apogi per sia aŭtoritato ĉiujn niajn fervorajn batalantojn en iliaj agoj.

Por fari dum la venonta vintro paŝon antaŭen koncerne la almilito de la lernejoj la Breslau'a grupo proponas jenon.

La estraro de G. E. A. instigu ĉiujn siajn grupojn alsendi ĝis la 15a de Aŭgusto liston de tiuj personoj, kiuj estas ĉiurilate kapablaj instrui Esperanton al popollernejanoj, kaj pretaj instrui senpage.

Ricevinte ĉi tiujn listojn, la estraro redaktu petskribon, subskribotan de niaj plej eminentaj titoluloj kaj scienculoj, kiu estas sendota al la administrantaroj de la diversaj lokoj, plej konvenaj por nia celo.

En tiu petskribo oni menciu trafe kaj mallonge la nunan staton de Esperanto, la ĝisnunajn sukcesojn koncerne la instruadon al lernejanoj en Germanujo kaj aliaj landoj, kaj nomu la nombron de lokoj en kiuj nepre taŭgaj instruistoj estas disponeblaj. Oni petu la administrantarojn, ke ili donu al G. E. A. okazon por praktika provo kaj pruvo, permesante la instruadon al malgranda nombro da lernejanoj de la 1a klaso, kun postaj ekzamenoj.

Por atentigi la lernejanojn pri la entrepreno, oni permesu la disdonon de flugfolio al ili, kiu klarigas la esencon kaj signifon de Esperanto, kaj invitas ilin al speciala parolado, aranĝota por ili. Dum ĉi tiu parolado estu tre detale pritraktota la problemo en por lernejanoj tute komprenebla maniero, kaj senpaga instruad-kurso al ili proponota. Se ie la partoprenontoj superas la instrueblan nombron, la kursanoj estu elektotaj per la loto. Plue estu dirota en la petskribo, kiom da instruistoj en kiom da lokoj estas disponeblaj, kaj ke G. E. A. samtempe sendas la petskribon al ĉiuj lokoj.

Kion ni atingus per tia ago?

Ni supozu, ke 60—70 grupoj disponigus po 1 instruisto, kaj la petskriboj alportos la sukceson, ke en ĉi tiuj 60—70 lokoj ni rajtas disdoni la flugfoliojn, aranĝi la paroladojn kaj kursojn, en tiuj lokoj granda nombro da lernejanoj ricevus objektivajn, kompetentajn sciigojn pri Esperanto.

Se meznombre en ĉiu loko 20 gelernejanoj partoprenus en aranĝota kurso dum la venonta vintro, 1200—1400 gelernejanoj scius la lingvon. La poste aranĝotaj ekzamenoj certe interesus iomete la instruistaron, kaj se la ekzamenoj liverus, (kion ni esperantistoj ne pridubas) la pruvon, ke la lernintoj akiris dum la mallonga tempo tre bonajn sciojn en la lingvo, multe pli bonajn kaj ampleksajn ol dum la sama tempo la lernantoj de superaj lernejoj en franca aŭ angla lingvoj; tio jam signifus la unuan venkon

en nia batalado al la lernejoj. La tuta serioza gazetaro certe publikigus la faktajn rezultatojn, kaj la opinio de la granda publiko tiel aliiĝus.

Tiamaniere ni esperantistoj kreus al ni larĝan, firman bazon, sur kiu ni poste povus pli facile kaj sukcese daŭrigi nian bataladon. Tial estas nepre necese, ke ni faru baldaŭege ĉi tiun unuan praktikan provon, sed ne kelkaj aretoj aparte, sed la tuta germana esperantistaro samtempe kaj samsisteme laŭ siaj nunaj povoj.

Tia ago postulas nek multe da mono nek multe da peno, estas nur necese, ke ĉiu esperantisto, kiu vere volas la progreson de nia granda afero, laŭ ĉiuj siaj fortoj helpu la aranĝon de ĉi tiu entrepreno.

Se la instruistaro kaj la granda publiko vidos, ke ni energie, unuece kaj konscie antaŭeniras, ili alturnos al niaj agoj kaj postuloj seriozan atenton. Nur sur ĉi tiu vojo ni povas venki la antaŭjuĝojn kaj indiferentecon de la „kleraj" kaj malkleraj amasoj.

Mi petas ĉiujn grupojn kaj samideanojn, kiuj principe aprobas nian proponon, ke ili pridiskutu ĝin profunde kaj detale en la kunsidoj, kaj sciigu al la estraro de G. E. A. siajn opiniojn, kaj eventuale baldaŭ sciigu la nomojn de la okaze disponeblaj kursgvidontoj, por ke la estraro vidu, ke la esperantistaro deziras tian praktikan agadon.

*Georg Mahn, Breslau,*
vizprezidanto de la grupo kaj
delegito de U. E. A.

P.S. La finan efektivigon de la petskribo plej bone povus fari la unuiĝo de esperantistaj instruistoj.

## El la urbo de la „Sepa".

Antwerpen, la 15an de Junio 1911.

Inter la festoj organizataj okaze de la Sepa — kies programon mi ĉi sube publikigas — mi citu la prezentadon de La revuo de la Sepa, komedio iom satira (ho, tre malmulte!) kun kantoj kaj ĥoroj. Mi mem verkis ĝin: do sendube ĝi estas ĉefverko! La revuo baldaŭ aperos; ĝi kostas 0,400 Sm. kaj estas jam nun mendebla ĉe Esperanto Verlag Möller & Borel, Lindenstrasse 18/19, Berlin S.W., kaj ĉe la Sekretario-Kasisto de la Sepo.

Jen la promesita de longe, sed kompreneble provizora, festprogramo de la Sepa:

Vendredon, la 18an de Aŭgusto. — Malfermo de la akceptejo.

Sabaton, la 19an. — Malfermo de la ekspozicio. Akcepto de D-ro Zamenhof en la Urbestrarejo. Vespere, koncerto de la Vagabonda Klubo.

Dimanĉon, la 20an. — Diservoj. Procesio de la gekongresanoj. Koncerto en la Zoologia Ĝardeno. Vespere, prezentado de *Devo de Reĝo*, de *Por trankvilaj Personoj* kaj de *La Revuo de la Sepa*.

Lundon, la 21an. — Oficiala malfermo de la kongreso. Vespere, aŭdigo de flandraj kantoj.

Mardon, la 22an. — Vespere, unua prezentado de *Kaatje*.

Merkredon, la 23an. — Dua prezentado de *Kaatje*. Akcepto de la kuracistoj en la *Cercle Médical* kaj de la farmaciistoj en la *Société de Pharmacie*.

Ĵaŭdon, la 24an. — Disdono de la premioj de la Literaturaj Konkursoj. Vespere, koncerto en la Zoologia Ĝardeno kaj diversaj akceptoj.

Vendredon, la 25an. — Balo.

Sabaton, la 26an. — Matene, ferma kunsido de la kongreso. Vespere, festeno (aparte pagota).

Dimanĉon, la 27an. — Manovroj de la *Ruĝa Kruco*. Vespere, koncerto en la Zoologia Ĝardeno.

* * *

Jam multaj partoprenantoj en la Literaturaj Konkursoj sendis siajn manuskriptojn al la Sekretario-Kasisto de la Sepa (lasta templimo: la 15a de Julio). Novaj favorantoj:

21. **S-ro Edwin Reed,** Washington. — Originala rakonto aŭ novelo enhavanta 4000—5000 vortojn. Premio: 10 Sm.

22. **Societo Esperanto,** Dresden. — La plej bona vojo al internacia organizo de la Esperantistaro: reprezentantaro, centra gazetorgano, akademio kaj lingva komitato, administraciaj taskoj. 16—20 paĝoj laŭ monoformato. Premio: 20 Sm.

23. **La Kroniko,** Kaiser-Wilhelmstrasse 15, Leipzig. — Praktikaj konsiloj por fondi grupon esperantistan, daŭre interesi la grupanojn kaj vivigadi kunvenojn kaj instruadon. Premio: ora juvelo kaj por 5 Sm. da esperantaĵoj.

* * *

La tasko de la Loĝiga Komitato estas malfacilega. La kongresanoj estas insiste petataj mendi, se eble, por du personoj nur unu ĉambron.

* * *

La loka komitato de la Sepa organizos ekspozicion. Por ĝin sukcesigi ĝi faras alvokon al ĉiuj eldonistoj, aŭtoroj, grupoj kaj solaj samideanoj por la alsendo de libroj, broŝuroj, kantoj, cirkuleroj, fotografaĵoj, afiŝoj, ĉiuspecaj dokumentoj k. t. p. Ĉio estos zorge konservata, kaj tuj resendata post la 1a de Septembro. Depost la 1a de Aŭgusto la sendaĵoj estos akceptataj. Adreso: Sepa Internacia Kongreso de Esperanto, Koninklijk Athenaeum, Antwerpen.

* * *

La prizorgo por havigo de rabatbiletoj ne koncernas la lokan organizan komitaton, sed la karavanestrojn kaj la naciajn organizaĵojn. La Sepo atentigas la kongresanojn pri la fakto, ke en Belgujo ekzistas fervojaj abonoj valorantaj dum 5 tagoj (fr. 20,50 en 2a klaso, fr. 11,75 en 3a klaso) kaj dum 15 tagoj (duoblaj prezoj). Eventuale oni povas mendi tian abonon en la landlima stacio, laŭ formulo, kiu estos kunsendata kun la baldaŭ aperonta dua cirkulero de la Sepo.

* * *

S-ro Davignon, ministro de la Eksterlandaj Aferoj, sendis en la nomo de la Belga registaro invitojn al ĉiuj landoj reprezentataj en Bruselo, por ke ili sendu oficialajn delegitojn al la Antwerpena kongreso.

* * *

Kaj la nombro de la gekongresanoj ĝojige kreskas. Ĝis nun 947 enskribiĝis sin; tiu nombro sendube ankoraŭ pli ol duobliĝos. *Jan.*

## 4 taga postkongresa ekskurseto al Holandujo.

Ĉar de diversaj flankoj ni ricevis la peton aranĝi postkongresan vojaĝeton al Holandujo, ni kunmetis la sekvantan provizoran programon:

*27an de Aŭg.:* Vojaĝo al Hago, la plej bela parkurbo de Holandujo:

simpla bileto Antwerpen-Hago 2a klaso 3,500 Sm., 3a klaso 2,400 Sm.;

duobla bileto Antwerpen-Hago 2a klaso 5.600 Sm., 3a klaso 3,860 Sm.

tre verŝajne rabatbiletoj estos haveblaj.

Vespere per elektra tramo tra la mondfama „Onde Scheveningscher Weg" al Scheveningen, fame konata banejo. Ripozo ĉe la marbordo.

*28an de Aŭg.:* Matene promenado tra la arbaro; vizito al „Huis ten Bosch" (palaco en la arbaro; enirmono 0,400 Sm.). Posttagmeze vizito al la muzeo Mauritshuis (eniro senpaga), promenado tra la urbo.

Vespere ripozo ĉe la marbordo. Kurhauskoncerto — Varietekoncerto k. t. p.

*29an de Aŭg.:* Vojaĝo al Amsterdam kaj Marten, la pentrinda insuleto en la suda maro, parte atingebla per la primitiva tirŝipo; naciaj, multkoloraj vestoj de la insulpopolo.

Kombinita bileto Hago-Amsterdam-Marten 2a klaso 3,800 Sm., 3a klaso 2,800 Sm., loĝado en Amsterdam.

*30an de Aŭg.:* Matene vizito al la mondfamaj metiejoj por la diamanttranĉado, kie i. a. la „Kullinan" estis tranĉita. Posttagmeze vizito ĉu al „Ryksmuseum" (eniro senpaga) ĉu al Zoologia Ĝardeno ĉu per boato al Zaandam, la iama loĝejo de la Caro Petro I de Ruslando (reirbileto 0,200 Sm.).

*31an de Aŭg.:* Ekskurso al la Brasemer lagoj per la angla „Mailcoach" kaj boato (reirbileto 5 Sm.).

Vespere vizito al la Haga arbaro, kies lageto estos lumigata okaze de la naskiĝtago de la reĝino Wilhelmine.

*

Ĉiu samideano, kiu intencas partopreni, sendu antaŭ la 20a de Julio 8 Sm. al la sube nomita sekretariino de la tiea grupo „Fine ĝi venkos". Tiuj 8 Sm. voloras 5 foje por ĉambro kaj matenmanĝo.

Al tiuj, kiuj post la 20a de Julio aliĝos al la karavano, ni ne povas garantii, ke ĉambroj en bonaj, malkaraj hoteloj estos haveblaj, tial ke dum la somero Hago estas, pro ĝia beleco, multe vizitata urbo.

Ĉiu samideano kiu aliĝas, ricevos tuj post ĝia apero, senpagan, belege ilustritan, 32 paĝan libron de Holandujo, la „Holland Express".

Oni do nepre sendu sian nomon, adreson kaj kotizaĵon antaŭ la 20a de Julio al

*F-ino N. Boon,*

*Kon. Emmakade 96, Haag.*

# Germana Kroniko.

***Ni tre petas ĉiujn grupojn, kiel izolitajn samideanojn, ke ili sendu al ni kiel eble plej akurate mallongajn raportojn pri ilia agado kaj pri la progresoj de Esperanto en ilia urbo aŭ regiono. La raportoj devas alveni ne pli malfrue ol la 20an de ĉiu monato.***

**Nordalbinga Esperanto - Ligo** havis sian jaran kunvenon en Lübeck. La grupo „Verda Stelo" Hamburg aliĝis kun 106 membroj, kaj nun la ligo konsistas el 9 grupoj (Hamburg 3, Lübeck 3, Kiel, Eutin kaj Schleswig po 1). Oni pridiskutis kelkajn paragrafojn de la liga regularo, kaj same okazis revizio de la kaso. La venonta jarakunvenejo estos ankaŭ Lübeck.

**Germana Federacio de la junaj Esperantistoj** havis specialan kunsidon dum la 6a Germana Kongreso en Lübeck. Oni decidis, ke la oficiala fondo de la federacio nur okazos la venontan jaron. En la estraron estas elektitaj: direktanto S-ro E. Vortisch, Nowawes, Friedrichstr. 36; 1a sekretario S-ro O. Sarstedt, Hannover, Knochenhauerstr. 10; 2a sekretario S-ro W. Münster, Stettin, Hohenzollernstr. 58. Ĝis nun aliĝis tri junulaj grupoj: Hannover, Stettin, Dresden, 22 izolitaj membroj (jara kotizaĵo 0,50 M.) kaj 7 helpantaj membroj (1,— M.). La estraro publikigos siajn sciigojn en *Germana Esperantisto* kaj *Juneco*. Interesuloj sin turnu al S-ro E. Vortisch, Nowawes apud Berlin, Friedrichstr. 36.

La ligo-tago de la **Sudokcidenta Esperanto-Ligo,** konsistante el la grupoj Frankfurt a. M., Hanau, Höchst, Kaiserslautern, Landau, Mainz, Bad Nauheim, Offenbach, Wiesbaden kaj Worms, okazos la 2an de Julio en Worms.

**Augsburg.** „Esperanto Societo" (Kaiserhof) faris ekskurson al Schwabmünchen; partoprenis pli ol 100 personoj. Esperanta ekspozicio tie aranĝita trovis grandan intereson.

**Berlin.** La adiaŭan vesperon, aranĝitan por S-ro Arnold Behrendt, ĉeestis multaj membroj el la Berlina Gruparo kaj el la grupoj de Potsdam, Charlottenburg kaj Weissensee. S-roj patentadvokato Schiff kaj Dro Breiger en la nomo de la grupo kore dankis S-ron Behrendt pro la multa laboro, kiun li ĉiam volonte kaj nelacigeble faris por la bono de la grupo kaj de la tuta esperanta afero. Ili ankaŭ dankis S-inon Behrendt, ke ŝi ĉiam senĉagrene permesis la priesperantan trookupadon de sia edzo. Poste F-ino Lindecke deklamis bonege parolitan prologon, kaj la reprezentantoj de la diversaj grupoj faris adiaŭajn parolojn al la forloĝontaj gesinjoroj. S-ro Behrendt respondis humore kaj kun kora danko por la ĉiuflankaj bondeziroj. Per la kantado de nia himno la vespero finiĝis. — S-ro Dro A. Rudy el Raleigh-Usono, kiu jam venis Eŭropon kiel oficiala delegito de la ŝtato Norda Karolino por la kongreso en Antwerpen, parolis en diversaj grupoj de Berlin pri la esperantista movado en Usono kaj pri sia propra, tre originala propaganda metodo. Ĉie liaj interesaj pritraktoj estis multe aplaŭdataj. — „Grupo Orienta" bone progresas. Dum la lasta monato aliĝis novaj membroj. — La kunvenejo de „Sekcio Centro" nun estas „Ratskellergarten" je la flanko de Jüdenstrasse. — Unu el la plej fervoraj anoj de l' Berlin'a grupo, S-ro Fritz Mitschke, iris Manchester'on, kie li trovis oficon per Esperanto. — La Esperanto-Tago, aranĝita la 11an de Junio en la vojaĝo-ekspozicio estis sukcesega manifestacio. (Vidu la specialan raporton en tiu ĉi numero.)

**Berlin-Charlottenburg.** La 13an de Junio S-ro Wichert raportis en la grupo pri la kongreso de Lübeck, kaj poste ankaŭ tie S-ro Dro Rudy prezentis sian paroladon (vidu Berlin). Ambaŭ paroladoj multe interesis la ĉeestintojn. — Lastan monaton novaj membroj aliĝis al la grupo. — La Urba Popol-

biblioteko nun entenas esperantaj libroj, kiuj nombron da estas ofte uzataj de la legantaro.

**Berlin-Rixdorf.** Malgranda festo finis la kurson en la instruista rondo, kiun gvidis S-ro Tietsch. La 12 kursantoj, kiuj ĝis la fino de la kurso partoprenis, montris per esperantaj paroladetoj, ke ili bone lernis la lingvon. Oni decidis, dum la somero propagandi inter la kolegoj kaj dum la vintro aranĝi novan kurson.

**Berlin-Wilmersdorf.** La grupo petas ĉiujn samideanojn de „Granda Berlin", kiuj bone parolas Esperanton, kelkafoje viziti siajn kunvenojn, por ke la membroj povu perfektiĝi parolante. La kunvenejo estas restoracio „Landhaus", Wilmersdorf, Kaiser-Allee, angulo de Berlinerstrasse, ĉiumarde 8½ v. Informojn pri vizito akceptas kaj donas la grupestro. Oni telefonu Amt Pfalzburg No. 5528.

**Breslau.** En la tiea „Loka Grupo" S-ro Wiener parolis pri vojaĝo al Paris, kaj plue faris paroladojn: S-ro Wolfson pri „Kadavra cindrigo", S-ro Mahn pri la „Lübeck'a Kongreso" kaj S-ro Glaser recitis propran verketon. — Interese estas, ke la nova Popolbiblioteko memvole envicigis en sian libraron la vortaron de Christaller. — La „Loka Grupo" kaj „Laborista Grupo" harmonie kunlaboradas. — Ankaŭ esperantista poŝta unuiĝo tie estas fondita.

**Chemnitz.** La „Unua Chemnitz'a Esperantista Societo" festis en „Kaufmännisches Vereinshaus" la naskiĝtagon de la saksa reĝo. La festejo, bonguste ornamita per esperantaj insignoj, havis grandan vizitantaron. S-ro Werner deklamis memverkitan esperantan festprologon, kaj la grupestro S-ro Fabian post parolado per trifoja „Vivu" honoris la reĝon. La telegramon, kiun oni sendis al Lia Reĝa Moŝto, estis tuj danke respondata per la helpadjutanto S-ro Majoro v. Schmalzl. — Komenciĝis novaj kursoj, kiuj estos finitaj antaŭ la kongreso de Antwerpen.

**Danzig.** La komandantaro en Danzig per cirkulero sciigis al la regionaj regimentoj, ke U. E. A. aranĝos senpagan kurson por militistoj.

**Delitzsch.** La 20an de Junio la tiea loka grupo de G. E. A. (Esperanto-Societo Delitzsch) festis sian unuan fondiĝfeston ĉe samideano Kreutzer. Dum la 1a jaro la nombro de geanoj duobliĝis per du kursoj sinsekvaj. 4a kurso komenciĝos en Aŭgusto. La grupo aliĝis al S. T. E. L. kun 30 membroj.

**Dessau.** S-ro inĝeniero Kohli el Cöthen faris propagandan paroladon kaj raportis pri la kongreso de Lübeck. — La tiea esperantistaro fondos grupon kaj aliĝos al G. E. A.

**Dresden.** En la monata kunveno de „Societo Esperanto" S-ro S. Winkelmann raportis pri la kongreso de Lübeck kaj pri la Esperanto-Tago en la Ekspozicio por Vojaĝo kaj Turismo en Berlin. — En „Grupo Orienta" (Fürstenhof) S-ro inĝeniero Hurler prezentis paroladon kun lumbildoj pri „Migradoj tra la svisaj Alpoj". — Kelkaj eksterlandaj samideanoj vizitis la societon, inter ili S-ro Lampert el Paris kaj S-ro Febrer el Barcelona. — Okaze de la tiea „flortago" la esperantistaro faris la ĉeflaboron kaj multe helpis por la sukceso. — Komenciĝis 3 kursoj kun 80 partoprenantoj ĉe la konfekcia magazeno Herm. Mühlberg, kies ĉefo, S-ro konsulo Mühlberg, fervora favoranto de nia afero, mem kunlernas. — „Ruĝa Kruco" aranĝis kurson kun 30 personoj. — Du specialaj kursoj komenciĝis por la membroj de „Verein für Handlungskommis von 1858". — Ankaŭ ĉe la magazeno por modaĵoj kaj manufakturaĵoj Ad. Renner privata kurso estas aranĝita. -- Multaj Dresdenaj komercaj firmoj okaze de la Higiena Ekspozicio eldonis esperantajn katalogojn kaj prospektojn, kaj ofte oni povas legi ĉe la enirejo de diversaj magazenoj: „Oni parolas Esperante". — (Pri la ekspozicio vidu la specialan artikolon.)

**Frankfurt a. M.** „Societo Esperanto" aranĝis publikan paroladon, kiu estis bone vizitata. S-ro Taenzer tre interese kaj humore parolis pri sia vojaĝo al la tirolaj alpoj kaj sia suprenrampado tra la neĝa kaj glacikovrita montegaro.

**Gotha.** La grupo aranĝis publikan kunvenon, kiu bone sukcesis. S-ro Prof. Dro Adolf Schmidt el Potsdam lerte kaj konvinke parolis pri „Esperanto kiel lingvo vivanta". Per deklamoj kaj kantoj, kaj fine per prezentado de la propaganda komedio „Der grüne Stern" de Reinhold Schmidt (aŭtoro de „Gustav Vasa") oni amuzis la grandnombran ĉeestantaron, el kiu multaj partoprenos kurson.

**Jöhstadt.** Saksa Esperantista Ligo tie aranĝis propagandan paroladon faritan de S-ro Irmscher, Chemnitz, kaj esperantan ekspozicion; kurso komenciĝis.

**Kiel.** La 1an de Junio S-ro A. Clementsen, prezidanto de la tiea grupo, faris propagandan paroladon en „Kieler Techniker-Verein" antaŭ multnombra aŭskultantaro. Riĉhava ekspozicio estis aranĝita. La gazetoj favore kaj detale raportis. — La grupo eldonis U. E. A.-gvidfolion de Kiel, kiun pagis la tiea „Verein für Fremdenverkehr". La folion oni ricevos senpage de S-ro A. Clementsen, Moltkestrasse 78, kontraŭ ilustrita poŝtkarto. La grupo nun kunvenas ĉiumerkrede, 8½ v. en Hotel Stadt Magdeburg, Burgstr. 18/20. — U E. A. nun estas plene reprezentata: Delegito estas S-ro A. Dicks, Knooperweg 173; Oficejo: S-ro A. H. Dittmer, Fleethörn 35. Krom tiuj ekzistas konsuloj por turismo, junuloj, laboristoj, studentoj kaj maraferoj.

**Köln a. Rh.** Esperanto-Societo 1906 invitas ĉiujn samideanojn reveturontajn de la kongreso en Antwerpen, partopreni la 29an de Aŭgusto kaj 3an de Septembro ekskursojn sur la Rhein, tra diversaj urboj kun vizito de Godesberg. Pro informoj kaj programo oni skribu al S-ro A. Junker, Köln, Hohestr. 26.

**Krefeld.** La esperanta ekspozicio en la tiea „Gewerbe-, Industrie- und Kunst-Ausstellung" tre bone sukcesas. (Vidu la specialan raporton en la venonta numero.)

**Lauban.** Komenciĝis kurso inter gimnazianoj, kiun gvidas S-ro A. Lutteroth, ano de la unua klaso. La direktoro aprobis kaj protektas la kurson. La kursanoj regule kaj fervore propagandas inter la lernantaro. — La tiea gazetaro favore raportas pri Esperanto.

**Lichtenfels.** Post parolado de S-ro K. J. Loy el Bamberg, antaŭ pli ol 70 aŭskultantoj, komenciĝis kurso, kiun ankaŭ partoprenas bavara parlamentano.

**Lübeck.** Fondiĝis „Komerca Esperantista Grupo" el la kursanoj de „Verein für Handlungskommis von 1858" kaj aliĝis al G. E. A. — Pri la kongreso vidu la specialajn artikolojn!

**Markersdorf apud Reichenau.** S-ro instruisto Schwarz komencis senpagan kurson por popollernantoj kaj daŭrigas la superan kurson por siaj lernintoj.

**Meissen.** La grupo faris ekskurson kune kun la grupo de Weinböhla al Zaschendorf. Pli ol 50 personoj partoprenis.

**Memmingen.** Grava fakto por la tiea movado estas, ke „Memminger Zeitung" regule raportas pri nia afero. La redaktoro de tiu gazeto fariĝis membro de la grupo. — Propagandajn paroladojn, faritajn de S-ro Regnet pri Esperantismo, kaj de S-ro Dippner pri U. E. A., instigis multajn personojn lerni Esperanton. La 15an de Junio la grupo aranĝis ekskurson al Grönenbach.

**Potsdam.** Dum la somero la grupo kunvenas ĉiumerkrede, vespere 8½ en „Eisenbahn-Hotel".

**St. Ingbert.** S-ro August Omlor jr. tie malfermis Esperanto-Oficejon kaj donas ĉiuspecajn informojn pri nia afero. Ĉiuj samideanoj estas petataj sendi al li informojn, broŝurojn kaj katalogojn en Esperanto.

**Stuttgart.** En la monata kunveno S-ro Prof. Christaller tre konvinke parolis pri „Esperanto kaj la lernejo". Krom la membroj multaj gastoj ĉeestis kaj aŭskultis atente la interesan paroladon. *H. K.*

---

## Gazetaro.

Rilate al nia afero oni povas klasifiki la nacian gazetaron laŭ tri grupoj. La unua, kiu konstante kreskas, raportas kaj okupas sin tute favore pri Esperanto kaj helpas per tio la progreson de nia movado. La dua estas indiferenta al la ĝenerala helplingva ideo, kaj pro tio ĝi nek helpas nek malhelpas nin iri nian vojon. Sed la tria grupo estas iom danĝera. Ĝi konscie kontraŭbatalas niajn celadojn kaj klopodas neniigi niajn sukcesojn. Tio estas la ŝovinistaj gazetoj, en kiuj la tiel nomataj „hura-patriotoj" publikigas siajn saĝaĵojn „por la bono de la patrujo". Estas vana faro, konvinki la ŝovinistojn pri la granda internacia ideo kaj speciale pri la neceseco de internacia helplingvo. Tamen ni hodiaŭ volas iomete okupi nin pri la trie citita grupo de la germana gazetaro, por la amuzo de niaj legantoj. Jam en la maja numero, p. 99, ni parolis pri tia ĵurnalo, kiu mokis pri la bonsukcesa esperanta fako en la vojaĝa ekspozicio de Berlin. Nun ni havas la plezuron priparoli kelkaj aliajn gazetojn de la sama speco.

En nia antaŭa numero, p. 125, ni raportis pri bonega artikolo de S-ro Dro Kliemke en *„Die Grenzboten"*, kiu trovis la plenan aprobon de tiu redakcio. Pri tiu ĉi artikolo tre koleris S-ro Fritz Bley, eldonanto de *„Zeitfragen"*, aldono al *„Deutsche Tageszeitung"*, Berlin. Pli ol unu grandan paĝon li dediĉas en la numero de 15. 5. al la kontraŭbatalo de la pritraktoj de Dro Kliemke. Jen kelkaj el liaj diroj: „La opinio de Dro Kliemke, ke Esperanto same aŭ eĉ pli bone ol natura lingvo taŭgas, por pli bone konigi la propran lingvon kaj akrigi la logikan pensadon, estas signifa por la nehistoria kaj mondfremda pensado, kiu en Esperanto trovas sian konkretan esprimon. Kaj la komikaĵo en la tuta movado estas, ke oni kredas, ĝuste per ĝi fari grandan servon al la kulturo . . . Kiu povas kontraŭdiri, ke jam per la traduko en nian propran lingvon estas malklarigata la fonto de la originalo. Kaj kiel eĉ artifikaĵa lingvo povas konigi al ni la spiriton de fremda kulturo! La anoj de Esperanto ja malkonfesas la internan vivon de gepatra lingvo . . . La verkinto de la artikolo opinias, ke japana lingvisto, ne sciante eŭropajn lingvojn kaj ilian historion, rilate al la esenco de la lingvo ne trovus diferencon inter Esperanto kaj alia eŭropa literaturo; ke plue la japano eĉ konsiderus la „Esperanto-popolon plej praktika kaj laŭ logika vidpunkto plej kapabla. Ĝuste tion ni devas plej certe kontraŭdiri. La japano tuj ekkonus, ke la pridirita malkarigo de la interpopola komunikado, kiu liberigas la homojn de la „grandega balasto" de la historia tradicio, tute certe kaj vere ne estus akcelo de „kulturinteresoj", sed kondiĉus nesufereblan platigon. En tiu ĉi opinio li verŝajne estus esence fortiĝinta, se li penus iomete profunde enpenetri en la karakteron de la esperanta lingvo. Jam sur la unua paĝo de la gramatiko li trovus, ke ne hazarde en tiu ĉi artlingvo ĉiuj subjektoj estas virseksaj kaj ĉiuj adjektivoj virinseksaj. Ĝuste tiu ĉi neniigo de ĉiuj seksaj diferencoj verŝajne karakterizus Esperanton por la japano, same kiel por ni, kiel tion, kio ĝi estas: la lingvo de la „feminismo", kiu en sia virineca pensmaniero ĝuste ne plaĉus al la japana gusto. Efektive ĝi estas ĝuste tio, kion Dro Kliemke neas: „io same malfeliĉa kiel Homonkulus kreita en retorto"!" Plue S-ro Bley eĉ kuraĝas dubi pri la intereso, kion la duko-reganto de Braunschweig montras por nia afero. Li ne povas kompreni, ke ĝuste la duko Johann Albrecht, la prezidanto de „Germana Kolonisocieto", kvazaŭ dumnokte estus fariĝinta Esperanto-revulo. „Sub la standardo de Esperanto ne estas almilitaj germanaj kolonioj, kaj Esperanto - prezidanton la germana junularo, entuziasmigita por la kolonia politiko, vere ne deziras. Tion tute certe neniu pli bone scias ol la duko Johann Albrecht! Kaj pro tio ni ne povas kredi la pretendon!" Sed kiel ĉefan kaŭzon de sia artikolo S-ro Bley pretekstas la „provon de la esperantistoj, ĝuste el la malfortaĵoj de nia popolkaraktero pravigi neceson de iliaj klopodoj, kiuj en realeco estas profunde kontraŭnaciaj!" Al tiu ĉi konkludo li venis, ĉar Dro Kliemke per ekzemploj montris la neregulecon de la germana lingvo kaj kelkajn strangaĵojn de ĝia vortfarado.

Nu, ni lasu al S-ro Bley lian opinion. Eble venos la tempo, kiam ankaŭ li kvazaŭ dumnokte fariĝos Esperanto-interesulo, kaj kiam li bedaŭros la verkadon de sia nuna ridinda kontraŭbatalaĵo.

Simila gazeto estas *„Ostholsteinische Zeitung"*, kiu en la numero de 10. 6. miras pri la paroladoj de S-roj Profesoro Rohrbach kaj Stark en Lübeck. (Vidu la specialan kongresraporton.) Laŭ opinio de *O. Z.* Esperanto ne entenas ĝeneral-kulturajn valorojn, kaj ĝi efikus kulturdetrue, se oni provus ĝin enkonduki en la lernejojn. Ĝi eble nur estas taŭga por la internacia komerco; kaj eĉ por tio ĝi estas superflua, ĉar en tiu fako jam ekzistas aro da terminoj uzataj kaj kompreneblaj en la tuta mondo! Per Esperanto niaj infanoj ne povas fari ion alian ol interkompreniĝi kun anglo pri pakaĵo da drapo aŭ sako da kafo. — Eĉ se nia lingvo nur havus la taskon helpi la komercajn interrilatojn, ĝia kampo jam estus sufiĉe granda. Sed *O. Z.* povas esti certa, ke ĝi per siaj argumentoj ne malhelpos la uzadon de Esperanto en ĉiuj aliaj fakoj kaj la iaman enkondukon en la lernejojn.

Laste ni citu artikoleton el *„Berliner Beamten-Zeitschrift"* (5. 5.). En tiu gazeto aperis Esperanto-kurso. Post ĝia finiĝo, membro de la oficista unuiĝo, kies organo la gazeto estas, aperigis la pri-

diritan artikoleton, en kiu li multe insultas Esperanton kiel neniigilon de la germana lingvo. Fine li petas, ke oni konsideru lin eksiĝinta el la unuiĝo, se la gazeto daŭrigos sin okupi pri Esperanto. — Al tio ĉi la estraro donis laŭ nia informiĝo la trafan respondon: ĝi forstrekis la' nomon de tiu postulema sinjoro el la membrolisto!

Sed nun alia temo. — *„Tägliche Rundschau für Schlesien und Posen"*, Schweidnitz, (13. 6.) komencas sian esperantan rubrikon per publikigo de longa poemo kun apuda germana teksto. La versaĵo estas verkita de S-ro Prof. Huebner. Ĝi celas instigi al la vizito de Schweidnitz kaj ties ekspozicio. (Vidu la specialan artikolon en la venonta numero.)

Tre interesa estas la pritrakto, kiun S-ro dentisto H. Blum faris en *„Deutsche zahnärztliche Wochenschrift"* (n-ro 18, 1911). La artikolo, kiu eĉ aperis kiel aparta represo, rilatas al la proksima internacia dentista kongreso en London kaj Esperanto. La verkinto atentigas pri la utilo de nia lingvo por la dentistoj, pri ĝia esenco kaj disvastiĝo, kaj pri ĝia aplikado en kuracistaj rondoj. Fine li invitas siajn kolegojn al la lernado de Esperanto, por ke estu eble, ke nia lingvo laŭ deziresprimo fariĝu la oficiala traktadlingvo de la London'a kongreso. Interesuloj povas havigi al si la represon ĉe S-ro dentisto H. Blum, Berlin-Wilmersdorf, Prinzregentenstr. 120.

Grava por la progreso de nia afero inter la fervojistoj estas la apero de propaganda artikolo en *‚Zeitung des Vereins Deutscher Eisenbahnverwaltungen"* (20. 5.). S-ro Rudolf Sackmauer el Pilsen verkis la interesan pritrakton kaj havas la meriton, ke li per tio atentigis pri nia afero la germanajn fervojadministraciojn per ilia oficiala organo.

Pluaj propagandaj artikoloj aperis en: *„Deutsche Postzeitung"*, Berlin, (18. 6.) kaj *„Laubaner Anzeiger und Zeitung"* (2. 6.).

*„Fremdenblatt"*, Berlin, havas konstantan esperantan rubrikon, en kiu ĝi atentigas la fremdulojn, vizitantajn Berlin'on, pri la servoj de „Fremden-Verkehrs-Verein" (unuiĝo por fremdulaj interrilatoj).

*„Dokumente des Fortschritts"* (kajero 6) „Esperanto in der Praxis", en kiu S-ro Arnold Behrendt raportas pri la konata traduka eksperimento aranĝita de la franca gazeto „Excelsior". — Plue en la sama numero: „Esperanto — ein Helfer der Friedensidee" (Esp. — helpilo de la pacideo); resumo de la grava alparolo, kiun faris la urbestro de London al kunveno de tieaj esperantistoj.

Fine ni povas sciigi, ke multe pli ol 200 germanaj gazetoj pli-malpli longe raportis pri la Kongreso de Lübeck, precipe la Hamburg'aj kaj Lübeck'aj ĵurnaloj publikigis detalajn raportojn. Vere, ĝojiga fakto! — Pri la Esperanto-Tago en Berlin raportis per specialaj artikoloj: *„Berliner Tageblatt"* (12. 6.); *„Germania"*, Berlin (14. 6.); *„Märkische Volkszeitung"*, Berlin (14. 6.); *„Hamburger Fremdenblatt"* (15. 6.); *„Börsenblatt für den Deutschen Buchhandel"* (18. 6.); *„Weissenseer Tageblatt"* (14. 6.). *Ek.*

# Internationale Esperanto-Bewegung.

## Europa.

**Belgien.** Die Hauptarbeit der belgischen Esperantisten ist jetzt der würdigen Gestaltung des 7. Internationalen Kongresses gewidmet. Ausführliche Berichte darüber erscheinen regelmässig an anderer Stelle des G. E. unter „El la urbo de la Sepa". — In Liège vereinigten sich die drei Esperantogruppen unter dem gemeinsamen Namen „Lieĝa Esperantista grupo".

**Bulgarien.** In Haskovo wird der Kursus des S-ro Vaĉev von 50 Personen besucht. — Die Esperanto-Studentengruppe in Sofia ist sehr rührig; sie hält monatlich Esperanto-Vergnügungsabende ab und gibt einen dreimonatlichen unentgeltlichen Kursus in den Schulen von Kusma und Triĉkov.

**Frankreich.** „Ni kreis pacon kaj unuecon" telegraphierte Prof. Cart nach Beendigung des französischen Esperanto-Kongresses in Lyon an Dr. Zamenhof und gab in diesen kurzen Worten das Bestreben nach Einigkeit wieder, das den ganzen Kongress beherrschte und trotz der scharfen Gegensätze der zur Einigung vorgeschlagenen beiden Projekte, des Pariser und des von Bourges, zu einer Einigung führte; das letztere wurde angenommen. Nach diesem Plane wird an den jetzt in Frankreich bestehenden Gruppierungen nichts geändert. Es bleiben: izolituloj, sendependaj grupoj, regionaj federacioj und nacia societo bestehen; aber das angenommene Projekt erleichtert und erstrebt den Beitritt zur Gruppe und zum Distriktsverband, indem die Beiträge für die nichtbeitretenden izolituloj und sendependaj grupoj erhöht werden. In den Vorstand, auf dessen Präsidium der jetzige Vorsitzende, Prof. Cart, der Einigkeit wegen freiwillig verzichtete, wurden Anhänger beider Richtungen gewählt (Präsident S-ro Rollet de l'Isle, stellv. Präs. S-roj Boirac und Cart, Kassierer S-ro Robert). „Einigkeit macht stark!" Möge dieses gute Beispiel unserer französischen Samideanoj uns stets vorschweben. Ueber den Kongress selbst erschienen günstige Berichte in *„Lyon Républicain"*, *„La Nouveliste"*, *„La Dépêche"*, *„Le Progrès"*. — Die vor kurzem in Paris gegründete Parlamenta Grupo Esperantista hat schon 40 Mitglieder. Wenn die Gruppe auch noch zu klein ist, um irgendwelche günstige Bestimmungen für die Einführung des Esperanto durchzusetzen, so ist sie doch immer ein vorzügliches Bollwerk gegen etwaige Ueberrumpelungsversuche. — In Paris wurde eine neue Druckerei, „L'Universala", gegründet, in der alle Angestellten und Drucker Esperanto sprechen; die Arbeiten kontrolliert das Lingva Komitato. — In Grenoble finden in den Schulen Esperantokurse statt mit mehr als 600 Teilnehmern. Ausserdem läuft ein Kursus in der Vereinigung der Industrie und Kaufmannschaft, sowie einer für Lehrer und ein Fortbildungskursus. — Die Lehrerzeitung von Savoyen bringt einen Esperantokursus. — In Toulon hielt ein Marineoffizier in einer von 150 Personen besuchten Versammlung, die der stellvertretende Bürgermeister mit einigen Worten über den sittlichen Wert der Bewegung einleitete, mit Genehmigung des Marinepräfekten einen Propagandavortrag, dem neue Kurse folgten. — In Saint-Remy de Provence, ebenso in Sorgues bei Avignon, sowie in Nizza wurden Esperantogruppen gegründet; in letzterem Orte für

italienische Arbeiter. — In Monako fand im April ein Esperantofest statt; daselbst wurde auch in der Kirche „Sankta devo“ eine Predigt in Esperanto gehalten über das Thema, dass Katholizismus und Esperanto in gleicher Weise dem Frieden dienen. — In Taverny und St. Leu veranstalteten die Gruppen einen Propagandaabend, an welchem unter dem Vorsitz des Bürgermeisters von St. Leu 800 Personen teilnahmen; Prof. Bourlet hielt die Rede, und auch der Bürgermeister von Taverny gab seiner Zustimmung zur Esperantobewegung Ausdruck. Anschliessend neuer Kursus von 50 Personen. — Ein ebensolcher Abend fand in Vichy-sur-Seine statt. — In Charleville arrangiert die dortige Gruppe, gemeinsam mit der von Sedan, für den 30. Juli cr. einen Esperantotag für das Gebiet der Ardennen, verbunden mit Ausstellung. Für letztere wird um Zusendung von Material gebeten. (Adr.: S-ro Georges Rambeaux, rue Baron Quinart, Charleville.)

**Grossbritannien.** In London enthielt das Programm im ersten öffentlichen Konzert des Londoner Klubs im „St. Brides Institute“, welches das „Ceciliana Trio“ gab, auf Veranlassung eines esperantistischen Mitgliedes ein Esperantostück, gesungen von S-ro G. Notley; ausserdem war auch Gelegenheit zu einer kurzen Esperantorede gegeben, welche S-ro H. B. Mudie in bekannter Trefflichkeit hielt. Die Nichtesperantisten waren erstaunt über den Wohlklang der Sprache. In London finden augenblicklich 37 Kurse statt. (Oh! Berlin!) Die *„North-Eastern-Railway“* lässt Auskünfte für das Publikum in Esperanto drucken. — In Wood Green hat die am 9. April gegründete Gruppe schon eine ganze Reihe bedeutender Personen für Esperanto gewonnen. So machte sich der dortige Oberbibliothekar, S-ro Peplons, anheischig, Esperanto in einer Woche zu erlernen. Er erbrachte den Beweis, als er nach 5 Tagen in einem Londoner Klub nicht allein der Unterhaltung, sondern auch den Vorträgen vollkommen folgen konnte. — Die Bradforder Gruppe hatte einen interessanten Abend, als F-ino Holden, eine Blinde, ihnen die „Rompitaj feraĵoj“ aus einem in Blindenschrift hergestellten Exemplar vorlas. — In Portsmouth fand in der „Stamford street Methodist churche“ ein erfolgreiches Propaganda-Konzert statt, an welchem 150 Personen teilnahmen. Pastor Smith leitete die Versammlung und schloss mit einer begeisterten Ansprache, in der er zum Ausdruck brachte, dass alle Anwesenden von der Nützlichkeit und dem Wert des Esperanto überzeugt seien. — In Shipley wurde von der dortigen Gruppe während der Tagung des Komitees der Yorkshira Federacio ein kleines Esperantofest veranstaltet, mit Vorträgen in Englisch und Esperanto, über das auch die *„Keighley-News“* eingehend berichtete. — Aus Edinburgh meldeten schon 60 Mitglieder ihre Teilnahme am Kongress in Antwerpen an. — Beim Jahresfest in Montrose, im April, sprach der Staatsschulinspektor Muir sehr anerkennend über Esperanto; auch andere hervorragende Lehrer äusserten sich günstig. — Neue Gruppen wurden gegründet in Farnham, Blackburn, Jersey, Port-Medoc, Redhill und in Aldershol für Lehrer.

**Italien.** Zu dem sich an den Kongress der Philosophen in Bologna anschliessenden Ausflug nach Ravenna gab S-ro Tellini mit Hilfe der U. E. A. und der Itala Esperanto-Societo einen kleinen Esperanto-Führer mit vielen hübschen Ansichten heraus, der an die Kongressteilnehmer, insbesondere an die anwesenden Journalisten verteilt wurde. Diese sandten darauf an Dr. Zamenhof folgendes Telegramm: „Die Journalisten, welche an dem Ausflug nach Ravenna während des Internationalen Philosophen-Kongresses teilnehmen, grüssen den berühmten Apostel der Verbrüderung der Menschheit.“ Dr. Zamenhof antwortete telegraphisch und bat die Journalisten, nicht zu vergessen, zum 7. Kongress Vertreter nach Antwerpen zu senden. Nur *„L'Illustrazione popolare“* in Mailand ist mit dem erwähnten Führer nicht einverstanden und erblickt darin eine Beleidigung Dantes. (Der Kuriosität halber möge auch dieses berichtet werden!) — In Bologna hielt auch Prof. Bianchini vor einem auserlesenen Publikum einen Vortrag über Esperanto, woran sich ein von ihm geleiteter Kursus schloss. — In Mailand macht die Esperantobewegung gute Fortschritte. Die Stadtvertretung erlaubt, dass in städtischen Schulen Unterrichtskurse gegeben werden; es werden dort in fünf verschiedenen Kursen 200 Kinder in Esperanto unterrichtet, und zwar im Rahmen des Schulstundenplans, also quasi offiziell. — In vielen Geschäften findet man die Aufschrift: „Oni parolas Esperante“, und die elektrotechnische Fabrik G. Neuhaus korrespondiert in Esperanto. — In Genua hat der Rektor der Universität Herrn Schmuckes erlaubt, für Studierende an der Universität Unterricht in Esperanto zu erteilen. Es finden Kurse für Anfänger und auch einer für Fortgeschrittenere statt; auch Lehrer und Professoren nehmen am Unterricht teil. — Die Handelskammer in Florenz bewilligte der dortigen Gruppe 100 Lire in Anerkennung der Wichtigkeit, die eine internationale Sprache für die Handelsbeziehungen haben kann. — In Mailand, Palermo, Prugia, Florenz und Bordighera bildeten sich neue Gruppen.

**Oesterreich-Ungarn.** In Oesterreich hat das K. K. Eisenbahnministerium auf eine Eingabe der Esperantisten hin die Broschüre „Landschaftsbilder aus Oesterreich“ in Esperanto herausgegeben und wird sie auf dem Kongress in Antwerpen verteilen lassen. — Im Ungarischen Reichstage trat der Abgeordnete und Vorsitzende des neugebildeten Ungarländischen Esperanto-Vereins, S-ro Giesswein, für Einführung des Esperanto in die Schulen ein, da gerade die Sprachenfrage besonders auch für die Kommandosprache sehr wichtig und nur durch eine internationale Sprache zu lösen sei. — In Wien hält Redakteur Schröder einen Kursus für Fortgeschrittene, und Fachlehrer Steinbeck einen solchen für Anfänger; an letzterem nehmen 70 Personen teil. — Im K. K. Staatsbeamtenverein sprach Prof. Glück in Anwesenheit vieler hoher Beamter und einiger Minister über Esperanto; auch hier schloss sich ein Kursus an. Einen anderen Kursus leitet Oberleutnant Neumann; ausserdem findet noch ein Kursus für Beamte der Postsparkasse, sowie je einer für deutsche und tschechische Arbeiter mit je etwa 50 Teilnehmern statt. — In Linz a. D. plädierte Stadtrat Flir so erfolgreich für Esperanto, dass gleichzeitig zwei Kurse eingerichtet werden konnten. — In Prag sprach Prof. Glück in der „Lese- und Redehalle Deutscher Studenten“ über Esperanto und hatte den Erfolg, dass er diese grosse studentische Vereinigung, welche der Bewegung bis jetzt indifferent, ja feindlich gegenüberstand, zu Freunden der Sache machte. — In Ober-

grund fabriziert eine Fabrik eine Signalpfeife für das internationale Esperanto - Pfeifsignal (a. b. c. f.) Die Pfeife ist z. B. auf Ausflügen gut brauchbar und wurde auf dem Esperantotag in Tetschen-Bodenbach zuerst benutzt. — In Kolozsvár (Ungarn) hat der erst vor kurzem gegründete Klubo Esperantista schon 100 Mitglieder; er macht erfolgreich Propaganda unter jungen Kaufleuten. — In Osijek bildete sich eine Gruppe kroatischer Arbeiter.

**Russland.** In Petersburg fand im April die Hauptversammlung der Ruslanda Esperantista Ligo statt, welche alle zwei Jahre tagt. Es wurden sieben verschiedene Propaganda-Kommissionen gewählt; zwei öffentliche Vorträge fanden statt. — Der Bericht des offiziellen Vertreters des russischen Ministeriums für Handel und Industrie auf dem 6. Kongress in Washington ist jetzt im Druck erschienen. Es ist ein umfangreiches Werk, das alle sorgsam gesammelten Beweise für die Nützlichkeit des Esperanto für Handel und Industrie, sowie einige Illustrationen und ein Bild Zamenhofs enthält. — In Wladikaukaso hielt General Andrejew im dortigen Offizierkasino einen öffentlichen Vortrag über Esperanto. Vorher hatte er über dasselbe Thema schon in Grodznij gesprochen und beabsichtigt dies auch noch in verschiedenen anderen Städten zu tun. — *„Lodzki Kurjeer“* No. 106 bringt einen Leitartikel über die Geschichte der Weltsprachenfrage, die Dr. Zamenhof so geschickt gelöst hat, und bringt dann einen ausführlichen Bericht über den jetzigen Stand der Bewegung. — In Derbent bildete sich eine grosse Esperantogruppe; Fürst Tavdgiridse ist Vorsitzender. — In Lodz bildete sich eine „Ligo de Esperantistaj Junuloj“. Sie besteht aus einzelnen Gruppen von je 10 Personen; in einer Gruppe können auch Mädchen aufgenommen werden. — Gleiche Gruppen bildeten sich ferner in Gorki und Reĉica.

**Rumänien.** In Kalafet gründete S-ro Slama eine Gruppe bei den Bank- und Postbeamten. — In Krajovo veranlasste derselbe Herr die dortigen Esperantisten zur Gruppenbildung und Veranstaltung von Kursen.

**Spanien.** Hocherfreut berichtet ein spanischer Esperantist, der Marineschreiber Rosique vom Panzerschiff „Pelago“, über die Aufnahme, die er in den Häfen bei den Esperantisten gefunden hat, besonders in Palma de Mallorca. Ueberall, wo er an Land ging, fand er Freunde, nur weil er Esperantist war. Er schliesst seinen Brief folgendermassen: „Kommt, Ihr Skeptiker, und seht selbst, und wenn Ihr dann noch Esperanto für eine Utopie haltet, so seid Ihr blind und wollt nicht glauben, was Ihr mit eigenen Augen seht.“ — *„El Restaurador Farmacéutico“* in Barcelona fordert unter dem Titel „Esperanto-fako“ das Organisations-Komitee der span. pharmazeutischen Gesellschaft auf, ein oder zwei von der spanischen Gesellschaft zur Verbreitung von Esperanto vorzuschlagende esperantistische Pharmazeuten in das Komitee aufzunehmen. — In Saragossa hat der Polizei-Inspektor Llorento gestattet, dass die Polizisten Esperanto lernen und dienstlich benutzen. Sie tragen am linken Arm als Erkennungszeichen ein grünes Band mit weissem Feld und grünem Esperantostern darauf. — Dort fand auch im Juni der 2. Katalonische Esperanto-Kongress statt, worüber Weiteres in der nächsten Nummer berichtet wird. — In Villarroya de la Sierra gründete Lehrer Artigas eine Gruppe. — In Cordova wird Esperanto an der Blindenanstalt unterrichtet.

**Türkei.** Bei dem Jahresball der „Samosa Esperantista Grupo“ hatten Ihre Hoheiten der Prinz und die Prinzessin Kopassis nicht allein das Protektorat übernommen, sondern hatten den Einladungen auch ihre Karten beilegen lassen. — In Heraklion auf Kreta hat sich eine Esperantogruppe gebildet.

## Afrika.

In Heliopolis kamen etwa 30 Esperantisten zusammen, um Propaganda zu machen. Fast alle Rassen waren vertreten und fast jeder Esperantist gehörte einem anderen Volksstamme an.

## Amerika.

**Brasilien.** Bei dem 4. Brasilianischen Esperanto-Kongress in Juiz de Fora, im Staate Minas Geraes, begrüsste der Bürgermeister die Kongressteilnehmer in Esperanto.

**Kanada.** In Grandmere brachte S-ro Wilson im *„Engineering News“* einen Artikel, in welchem er von dem grossen Nutzen des Esperanto für Ingenieure aus eigener Erfahrung spricht. S-ro W. bereiste nämlich im vorigen Jahre Norwegen, Schweden, Deutschland, Oesterreich, Frankreich, Italien, Schweiz und Holland. Viele Esperantisten, die er aufsuchte, werden sich seiner erinnern und sich auch freuen, dass er sich dahin äussert, dass er überall vorzügliche Aufnahme fand und erstaunt war über die Macht, die Esperanto schon heute hat. Auf seinen Artikel hin bekam er viele Anfragen aus Fachkreisen.

**Mexiko.** In Mazatlan ist eine Esperantogruppe „Sejo“ gegründet. — In Teznitlan kommt auf 100 Einwohner schon heute ein Esperantist. — In Verakruz und Jalacingo sind neue Gruppen gegründet worden.

**Vereinigte Staaten.** *„Amerika Esperantisto“* bittet alle in- und ausländischen Esperantisten, an die *„The New York Mail“* zu schreiben und sie aufzufordern, einen Vertreter nach Antwerpen zu senden, um sich selbst zu überzeugen, dass entgegen ihrer Behauptung Esperanto lebt und sich auf Kongressen die verschiedenen Völker sehr gut mit dieser Sprache verständigen können, was sie auch in Abrede stellt. (Vergl. S. 159.) — An alle Chemiker, die Esperanto können, richtet das „Bureau of Standards“ in Washington die Aufforderung, sich darum zu bemühen, dass auf dem 8. Internationalen Kongress für angewandte Chemie, welcher 1912 in Washington tagen wird, Esperanto eingeführt wird, um den Verkehr zwischen Fremden und Amerikanern zu erleichtern. (Adr.: McKelvy, Bureau of Standards, Washington, D. C. Usono.) (Vergl. S. 160.)

## Asien.

**Japan.** Der in Tokio erscheinende *„Japana Esperantisto“*, der in letzter Zeit wegen Druckschwierigkeiten unregelmässig erschien, wird von jetzt ab in einer der grössten europäischen Druckereien in Tokio gedruckt werden, so dass sein Erscheinen von jetzt ab regelmässig erfolgen wird. Die Redaktion bittet um kräftige Unterstützung für das im fernsten Osten erscheinende Blatt.

**Kleinasien.** In Smyrna hat ein Artikel über Esperanto in einer dort in Französisch und Hebräisch erscheinenden Zeitung solches Interesse erregt, dass dort und in Aidin Esperantokurse eröffnet werden konnten.

**Persien.** Das monatlich erscheinende Journal „*Behar*" fordert seine Leser auf, Esperanto zu erlernen.

**Sibirien.** Dort fängt Esperanto jetzt auch an, sich unter den ins Exil Verbannten zu verbreiten. Es sprechen in Nesterowo schon 5, in Kalpaŝewo 10 und in Togur 8 Exilierte Esperanto.

## Australien.

In Sidney wurde zum ersten Male in Australien ein Gottesdienst in Esperanto abgehalten. — In Perth wurde eine neue Gruppe gegründet. *Dr. A.*

## La vojaĝa ekspozicio en Berlin sub la signo de l' verda stelo.

Bonega sukceso! Jen per du vortoj la rezultato de la Esperanto-Tago, kiu okazis dimanĉon, la 11an de l' pasinta monato en la Ekspozicio por Vojaĝo kaj Turismo en Berlin. Ĝi estis postkongreso de Lübeck, kaj pro tio partoprenis ne nur Berlin'aj esperantistoj kaj interesuloj, sed ankaŭ multaj alilokaj samideanoj. Interalie ĉeestis S-roj Dro Mybs-Altona, nia asocia prezidanto, kun edzino, kaj Dro Kandt-Bromberg, la sekretario, plue nia aminda S-ino Hankel-Dresden, F-inoj Jahns-Braunschweig, S-roj Dro Arnhold, v. Frenckell, Winkelmann el Dresden, Prof. Lederer-Prag, Prof. Schmidt-Potsdam kaj mia kolego Hoen-Magdeburg. — Salut-telegramojn sendis Ges-roj Elb, Kötzschenbroda kaj S-ro Gottgetreu, Hannover.

Al ĉiuj amikoj, kiuj venis de malproksime por sukcesigi la feston per sia ĉeesto, nia ekspozicia komitato koreg̃e dankas, kion mi jen esprimas. Sed dankon ni ŝuldas ankaŭ al la direkcio de la ekspoziciaj haloj, kies subdirektoro Barono v. Tschirschnitz multe helpis nian aranĝon en ĉiu rilato; jam dum unu semajno antaŭe la direkcio anoncigis la ĉefajn punktojn per grandaj afiŝoj en ĉiuj partoj de la haloj.

Nun mi raportos pri la aranĝo mem de la Esperanto-Tago. Jam tuj post malfermo de la pordoj, matene je la 10a, multaj verdstelanoj, kies nombro konstante kreskis, travagis la vastajn halojn. Kompreneble la unua vizito estis direktata al nia Esperanto-Informejo, kiu estis multe tro malgranda por la alfluo en tiu ĉi tago. Ĝi estis bele ornamita per esperantaj flagoj. Ankaŭ aliaj partoj de la haloj estis sammaniere ornamitaj, precipe la ĉambrego, en kiu okazis la ĉefaĵo de la tago, pri kiu mi poste parolos.

Je la 1½a tagmeze nombro da samideanoj kuniĝis ĉe komuna tablo en la ekspozicia restoracio sur la galerio, ĝuste kontraŭe de nia Informejo. Post la tagmanĝo, je la 3a, komenciĝis la laŭprograma parolado kun lumbildoj, sed ne — pri Antwerpen, la urbo de la Sepa, kiel estis anoncite. Lastmomente ni devis ŝanĝi la temon, ĉar la kliŝoj, bezonotaj por la prezentado, ĝis sabato ne estis alvenintaj el Antwerpen. Pri tio la komitato estis iom en ambaraso. Kion fari? Lumbildoj ja estis haveblaj, sed kiu povis aranĝi dum la mallonga tempo disponebla la rilatan esperantan paroladon? Fine sin trovis elturniĝo. Oni memoris, ke nia Prag'a samideano, Profesoro Lederer posedas aron da belaj lumbildoj de Klondyke, la fama amerika orlando, kiun li jam kelkafoje prezentis en esperantistaj festoj. Do oni telegrafe turnis sin al Prof. Lederer, li tuj jese respondis, kaj la situacio estis savita. Sed por plenumi sian promeson kaj ĝustatempe alveni Berlin'on, la afabla savanto devis traveturi la tutan nokton; mi ankaŭ povas malkaŝi, ke li dum la sekvanta nokto devis reveturi, ĉar li la proksiman tagon jam matene je la 8a devis estri akademian ekzamenon. Tiel multe da sinofero vere meritas plej koran dankon, kiun mi, en la nomo de la ekspozicia komitato, tie ĉi ankoraŭ publike eldiras al S-ro Profesoro Lederer.

La parolado de Prof. Lederer estis bonega, kaj la multnombraj bildoj, bele kolorigitaj, efike ilustris ĝin. La granda ĉambrego estis plenigita ĝis la lasta seĝo de aŭkultantaro, kiu kun granda intereso sekvis la parolon faritan en bonega kaj facile komprenebla Esperanto. Pro la longeco de la parolado kaj pro la malmulta disponebla tempo oni ne povis resumi la tekston en germana lingvo, kiel ĝi estis intencita ĉe la temo pri Antwerpen. Tamen kelkaj neesperantistoj poste certigis, ke ili sufiĉe bone komprenis la multe aplaŭditan parolon de la prezentinto.

Sed nun, post mallonga kafopaŭzo, sekvis la forte atendita ĉefaĵo de la tago: la parolado de S-ro sekreta juĝkonsilano, universitata profesoro Dro Josef Kohler. La famega scienculo, antaŭ nelonge gajnita por nia afero de nia fervora Berlin'a gruparprezidanto, S-ro patentadvokato Schiff, kun granda komplezeco konsentis, en publika parolado eldiri sian opinion pri la rilato de nia lingvo al la leĝaj rajtoj de la aŭtoroj. La publika kunveno estis aranĝita en speciala ĉambrego de la ekspozicio. Kompreneble la fama nomo de la oratoro allogis multe da interesuloj, kaj kelkaj ĉiutagaj gazetoj eĉ sendis raportiston; tio estas fakto, kiu bedaŭrinde ne ofte okazas ĉe niaj gravaj aranĝoj! Neatendita nombro da aŭskultontoj plenigis la grandan salonon, tiel ke multaj el ili ne trovis sidlokon. Entute ĉeestis proksimume 400 personoj, kvankam la dimanĉa suno logis al ekskursoj, kaj kvankam en la sama tago estis la komenco de la granda aviada rondflugo tra Germanujo.

Post kelkaj salutvortoj de S-ro Schiff la oratoro supreniris la podion, kaj sub streĉita atento de la ĉeestantaro li komencis sian interesegan paroladon pri: „Esperanto kaj la aŭtora leĝrajto". — Unue li salutis Esperanton kiel nepre taŭgan ilon por la internacia interkompreniĝo, kiel lingvon, en kiu oni povas vivi kiel en iu ajn nacia lingvo. Plue li proksimume diris la jenon: Ĉiu lingvo estas sole la korpiĝo de simbolaj ideoj, kiu bedaŭrinde de la diversaj popoloj estas efektivigita en malsama maniero. Ankaŭ Esperanto montras la saman evoluon kiel nacia lingvo, sed kun pli granda simpleco kaj logiko. Do oni povas konsideri ĝin vivanta lingvo.

Rilate al la aŭtora leĝrajto la produktaĵoj en Esperanto devas ricevi la saman ŝirmon kiel tiuj en naciaj lingvoj. Kiel ĉiu aŭtoro havas la leĝan rajton pri siaj propraj verkoj, tiel ankaŭ la esperanta verkisto staras sub la protekto de la aŭtora leĝo, kaj neniu traduko de lia verko en aliajn lingvojn povas okazi sen lia speciala permeso. Same oni devas aljuĝi la leĝan aŭtorrajton pri lia traduko al ĉiu, kiu tradukas el naciaj lingvoj en Esperanton, tamen li ne povas protesti, se iu alia memstare tradukas la saman verkon kaj ĝin publikigas. Precipe la unua

punkto estas plej grava por Esperanto kiel venonta mondlingvo. Ankaŭ rilate al la 30-jara leĝa ŝirmo al literaturaĵoj Esperanto devas ricevi la saman rajton kiel la naciaj lingvoj, kaj same estas aplikota por Esperanto la ŝirmo al la postlasitaj verkoj. La oratoro ankaŭ havas la certan konvinkitecon, ke eĉ la komerca librotenado, kiu laŭleĝe devas okazi en iu vivanta lingvo, povas esti farata en Esperanto, ĉar tiu ĉi lingvo, kiel li jam komence diris, estas vivanta lingvo pro sia granda disvastiĝo kaj pro sia multparolateco. Fine li atentigis pri la malfacileco de la reciproka interkompreniĝo ĉe internaciaj kongresoj kaj ĉe mondvojaĝoj.

Tie Esperanto estas la taŭga rimedo, por forigi tiajn malfacilaĵojn. Entute Esperanto povas detrui kelkan disigan barilon, precipe tiun de la diverseco de la lingvoj; jam pro tio al la nova lingvo estas dezirata baldaŭa venko je la intereso de l' homaro.*)

Longedaŭranta, forta aplaŭdo rekompencis la oratoron por liaj enhavoriĉaj paroloj, per kiuj li faris grandan impreson al la aŭskultantoj. S-ro Schiff speciale dankis Profesoron Kohler kaj aldonis, ke ni ĝuste pro la punktoj, kiujn la parolinto pritraktis, devas konservi nian lingvon, kiu jam en ĉiu rilato montris sin tute taŭga.

Nun sekvis kelkaj esperantaj alparoloj de diversnaciaj esperantistoj, por montri al la ĉeestantaro, ke la prononcado de Esperanto inter diversnacianoj ne estas rimarkeble malsimila. Unue S-ro Jules Borel prenis la parolon. Li invitis la aŭskultantojn al la vizito de sia patrolando Svisujo kaj dankis la ekspozician direkcion, ke ĝi ebligis al ni la bonan aranĝon de la esperanta tago. — Poste parolis S-ro v. Frenckell kiel Finnlandano. Humorplene li rakontis, kiom da lingvoj li lernis laŭ instigo de sia patro, kaj ke li tamen ne povis interkompreniĝi en ĉiuj landoj. Tial li lernis Esperanton kiel naŭan, kaj esperenble lastan lingvon. Fine li atentigis pri la higiena ekspozicio en Dresden. — S-ro Prof. Lederer post tio atentigis pri la malfacilaĵoj de la interkompreniĝo inter bohemaj kaj germanlingvaj Aŭstrujanoj. Tial Esperanto estas nepre necesa kiel interpacigilo, ĉar ambaŭ popoloj volonte uzas nian neŭtralan lingvon. — Sekvis mallonga alparolado de S-ro Van der Corput (Holandano), tuj tradukita de mi, pri la facila lernebleco de Esperanto. — Kaj nun ekstaris nia ŝatata asocia prezidanto S-ro Dro Mybs, kaj kun entuziasmigaj vortoj li faris rimarkindan paroladon. Li raportis pri la belaj tagoj de la kongreso de Lübeck, plue li rakontis, kiamaniere li fariĝis mondlingvano, kaj kion li travivis kiel esperantisto. Elokvente li parolis pri niaj internaciaj kongresoj, kiuj estas la plej bona pruvo por la taŭgeco de nia lingvo kiel internacia interkomprenilo. „Ni estas praktikuloj kaj ne teoriuloj“ li diris, „pro tio ni plue iros nian ĝisnunan vojon, neatentante la idistajn „plibonigojn“, kiuj plej ofte estas proponitaj de nespertaj junuloj.“ — Post tiu ĉi forte aplaŭdita parolo S-ro Varga, kiel Hungaro, diris kelkajn vortojn, kaj poste S-ro Schiff fermis la kunvenon per dankesprimo al la ĉeestantoj, samtempe invitante la neesperantistojn al la lernado de nia lingvo. — La anoncita diskuto ne povis okazi, ĉar ne ekstaris diskutantoj. Kvankam kelkaj idistoj ĉeestis, ili ne kuraĝis ion kontraŭdiri aŭ defendi sian sistemon . . .

Nun la amaso da verdstelanoj denove trafluis la ekspozicion ĝis ties fermo je la 8a. Tiam oni iris en longaj vicoj al la restoracio „Thiergartenhof“, kie estis tiel nomata „gemütliches Beisammensein“ kaj laŭvola vespermanĝo. Oni ŝercis kaj dancis, pri kio niaj karaj samideaninoj multe ĝojis. Sed ĉe la amuzo la tempo plej rapide pasas, kaj unu post la alia forlasis la agrablan rondon por almenaŭ iomete dormi kaj kolekti novajn fortojn por la sekvanta tago. Kiel sindonema raportonto mi laste eliris el la salono, kune kun mia edzino, kiu diris: „Eble vi nun havas iomete da tempo por mi!“ Sed mi foriris kun la ĝoja sento, ke la pasinta tago estas rimarkinda okazintaĵo en la historio de la Berlin'a Esperanto-movado, kaj mi estas konvinkita, ke la partoprenintaj gesamideanoj same pensas. Ni esperu, ke la Esperanto-Tago alportos al ni grandan progreson! *F. Ellersiek.*

* * *

La 20an de Junio la vojaĝa ekspozicio estis finfermata. Kiel ni jam raportis, ĝi estis bonega sukceso por nia afero. Multaj personoj, kiuj ankoraŭ ne aŭdis ion pri Esperanto, estas atentigitaj pri ĝi per nia efika ekspozicio kaj per flugfolioj, de kiuj ni disdonis en la ekspozicio pli ol 50 000 ekzempleroj, t. e.: ĉiu sepa vizitanto ricevis unu folion. (Entute la vojaĝa ekspozicio estis vizitata de pli ol 350 000 personoj.) *Ek.*

# Internacia Higiena Ekspozicio.

## Dresden, Majo ĝis Oktobro 1911.

II.

Nun, kara legantino kaj kara leganto, imagu, ke vi ĵus estas alvenintaj en la saksa ĉefurbo kaj kune kun mi nun intencas viziti la Internacian Higienan Ekspozicion. De la stacidomo (tute egale ĉu de la ĉefstacidomo aŭ de la stacidomo Dresden-Neustadt) ni veturas al la ekspozicio per la tramo 26, kaj jam post kvarono da horo ni estas antaŭ la ĉefenirejo de la ekspozicio, monumenta pordego kun gigantaj kolonoj. Ni trairas la pordegon kaj troviĝas sur la granda festplaco. Dekstre ni rimarkas la administracian domon kun poŝta kaj polica oficejoj, en kiuj ambaŭ deĵoras oficistoj sciantaj Esperanton; ĉe la sama flanko nin salutas eleganta restoracio „Esplanade“ kaj poste, dum preteriro, ni sendas rigardon al la strato de la nacioj. Maldekstre de la enirejo staras la kongreshalo kaj la ĉefa ekspozicia palaco kun la koncertĝardeno, inter ambaŭ estas diversaj magazenoj, el kiuj nin speciale interesas tiu de la Bankejo Gebr. Arnhold. Tie troviĝas oficejo de la Societo Esperanto Dresden, ni eniras kaj estas afable salutataj de la deĵoranta oficisto aŭ de ĉarma oficistino de la societo, ni enskribas niajn nomojn en la libron de vizitantoj kaj post mallonga interparolado daŭrigas nian rondiron. Ni nun venas al imponanta halo, kiu okupas la flankon de la ĉefplaco rekte kontraŭ la enirejo; ĉe la fronto ni en grandegaj oraj literoj legas la vortojn „La homo“ (kompreneble germanlingve). Ni eniras la halon, ĝuinte dum minutoj de sur la supro de l' antaŭŝtuparo la belan aspekton de l' ĉefplaco kun multkolora amasego de promenantaj gevizitantoj.

*) Tiu ĉi raporto jam estis kompostita, kiam ni legis en „Der Tag“, Berlin (24. 6.) bonegan artikolon de S-ro Prof. Kohler, en kiu li detale ripetas siajn konkludojn, eldiritajn en la supre resumita parolado. Kun afabla permeso de la aŭtoro ni publikigos lian interesan pritrakton kune kun esperanta traduko en la julia numero de „La Instruanto“. *Red.*

En la vestiblo de la halo „La homo“ ni rigardas grandegan statuon de junulo en vere ideala beleco de la korpo — en beleco, kiu al la korpo de la nun-epoka homo plej ofte mankas. Tiun bedaŭrindan fakton pruvas en la ĉambregoj de la halo multaj objektoj, bildoj kaj demonstraciaj tabeloj, kiuj montras la kaŭzojn de tiu perdo de la korpa beleco, kaj kia-maniere ni povas reakiri la belecon kaj sanecon de nia korpo kaj samtempe havigi al nia animo dezirindan bonfarton, ĉar ja unu ĉiam dependas de la alia. Ni estas instruataj per bildoj, modeloj kaj specimenoj de nutraĵoj ĉiuspecaj, kio estas utila por ni kaj en kiuj el niaj manĝaĵoj kaj trinkaĵoj ni devas timi mal-utilon por nia saneco. La plej malgrandaj el la mal-amikoj de l' homo, la baciloj kaj bakterioj, estas montrataj per multaj mikroskopoj. Kia devas esti nia vestaĵo, nia loĝejo, nia vivmaniero hejma kaj survoja — ĉion ni lernas el la facile kompreneblaj elmontraĵoj de tiu ĉi halo. Ĝi estas kvazaŭ resumo de la tuta ekspozicio; la multaj ceteraj haloj donas detalajn sciigojn kaj instruojn al tiu, kiu ilin deziras kaj bezonas por praktika aplikado aŭ plua scienca esplorado.

Nun ni vizitas la historian-etnografian parton, kiu troviĝas en la ŝtonkonstruita ekspozicia palaco. Tiu tre ampleksa parto en plej interesa maniero montras al ni, kiel evoluis la higieno de la plej mal-novaj konataj epokoj de l' homaro, de Asirujo kaj Babilono, de Egiptujo kaj Greklando, de la Roma imperio kaj ĝiaj kolonioj tra la mezaj centjaroj ĝis la nuna tempo; ĝi donas al ni ekzemplojn, en kia genia maniero oni jam en la plej malnovaj tempoj havigis al si akvon, kiamaniere oni konservis aŭ forigis la kadavrojn, sub kiaj kondiĉoj oni loĝis kaj per kio oni nutris sin. Ni miras pri la alta higiena stato en kelkaj antikvaj ŝtatoj, kaj male ne povas kompreni la preskaŭ plenan mankon de la plej simplaj higienaj reguloj en tempoj, kiujn ni laŭ aliaj vidpunktoj taksas altkulturaj. La etnografia parto instruas nin pri higienaj aŭ nehigienaj modoj de la nun ne ankoraŭ civilizitaj popoloj, kaj ofte ni ekkonas, ke ili nun travivas tion, kion niaj prauloj spertis antaŭ mil jaroj. — Pri la tielnomataj tropikaj malsanoj ni estas instruataj en aparta fako riĉenhava; grandan lokon en ĝi okupas la „dorm-malsano“. Al la diversaj infektaj malsanoj — ĥolero, pesto, tuberkulozo, sifiliso ktp. kaj al la racia batalo kontraŭ ili estas dediĉitaj la salonegoj, kiujn ni nun eniras, kaj en kiuj ni ofte teruriĝite vidas en bildoj kaj modeloj la diversajn formojn de tiuj ĉi skurĝoj de la homaro, sed kie ni ankaŭ kun fiero povas konstati, kiom la scienco jam faris kaj konstante faras por eviti la antaŭe tiom kruelajn epidemiojn kaj kiujn valoregajn fruktojn jam portis la laboroj de la sciencistoj, ekzemple de niaj germanaj profesoroj Koch kaj Ehrlich en la batalo kontraŭ tuberkulozo kaj sifiliso, la teruraj popolmal-sanoj. Aliaj popolmalsanoj, ja ne tiom gravaj, tamen tre konsiderindaj, estas la dentmalsanoj, kiujn montras apuda ĉambrego tre detale kaj kie multaj vizitantoj la unuan fojon ekkonas, kiom grava estas la dentaro por la homa saneco.

En la batalo kontraŭ popolmalsanoj ĉiuspecaj estas gravega la partopreno de la germana asekurado al laboristoj kontraŭ malsano, laborakcidento kaj invalideco; tion ni evidente vidas en la bonguste aranĝita ekspozicio de la germanimperia asekurejo kaj de la diversaj asekuradorganoj. Grandaj statistikoj rakontas elokvente, kion jam faris tiu proporcie juna fako de ŝtata agemo en Germanujo, ne nur per mono helpante al tute invalidaj aŭ kripliĝintaj homoj, sed donante al multegaj malsaniĝintaj laboristoj la eblecon, regajni plenan sanecon kaj laborkapablecon per kuracoj en sanigejoj, kies bildoj kaj modeloj ornamas la ĉambregojn. Ni admiras la geniajn aparatojn, kiujn oni konstruis por eviti laborakcidentojn ĉe la danĝeraj laboroj en minoj, fabrikejoj ktp.

Same grava kiel la zorgo por plenaĝaj laboristoj estas la prizorgado al la infanoj. En grandaj salonoj ni ricevas riĉan instruon pri ĉio, kio rilatas al la infano de la naskiĝo ĝis la tago, kiam ĝi forlasas la lernejon. Kun la infano ni vizitas la lernejojn, el kiuj la plej modernaj kaj praktikaj estas en bildoj aŭ modeloj montritaj, ni partoprenas en la sportludoj kaj migradoj de la gejunuloj sub gvidado de instruistoj, kaj ni eĉ vidas, kiamaniere oni instruas al la gimnazianoj la dancarton en higiena formo!

Eviti malsanojn estas la plej dezirinda, sed ne ĉiam ebla celo, tial oni devas klopodi, kuraci la jam ekzistantan malsanon. Tre malnovan, tamen preskaŭ ĉiam efikan rimedon kontraŭ multaj malsanoj donas al ni la diversaj kurac-banlokoj en- kaj eksterlandaj. Ili, plejmulte en luksega maniero, ekspozas en la granda halo, kiun ni nun vizitas. Grandaj pentraĵoj kaj modeloj vere allogante priskribas la belecojn de tiuj benitaj lokoj, krom tio analizoj ktp. pruvas al ni la kurackapablecojn de la tieaj akvoj, ŝlimoj ktp. Sed ne ĉiujn malsanojn kuracas tiuj rimedoj, ne ĉiam helpas restado en la montaro aŭ ĉe la marbordo — ofte devas helpi ĥemiaj preparaĵoj aŭ fine la mult-specaj tranĉiloj de la ĥirurgo. La koncernaj in-dustrioj tre interese montras siajn diversajn fabrikaĵojn, la ĥemio krom la pure medicinaj preparaĵoj ankaŭ multajn artikolojn por kosmetikaj celoj. En la halo por kuracistaj aparatoj oni ankaŭ trovas la mikro-skopojn kaj fotografilojn necesajn por la esploradoj de la sciencistoj.

Ni forlasas tiun halon tra la kongresĉambrego, halo en simpla, sed tre impresa stilo, kiu speciale dum vesperaj kunsidoj, koncertaj ktp. havas mirindan aspekton, ĉar la lumo ne devenas el la kutimaj elektraj lampoj, sed sole eliras el 3 rektaj vitraj tuboj kurantaj laŭ la supro de la muroj. Belega estas la efiko!

Dum iometa refreŝiĝo en la koncertĝardeno ni pripensas kaj priparolas, ke tiu ĉi kongresĉambrego estos bonega loko por nia **Dresdena Antaŭkongreso,** okazonta de la 16a ĝis la 18a de Aŭgusto, kiu povos iĝi gravega por la propagando de nia afero ne nur en Dresden, sed en la tuta mondo, kaj al kiu estu kore invitataj ankaŭ ĉiu leganto kaj kun-rondiranto miaj, ĉar multegobla vizito estas nepre necesa por sukcesi.*) Kaj ekzistas ja

*) Kiel unua ekstera signo de la preparaj laboroj aperis, el-donita de la Esperanto-Eldonejo Friedrich Ader, Dresden-A. 1, „Dresden kaj la Esperantistaro, gvidlibro kaj propagandilo kun ilustraĵoj“. En la verkado partoprenis plej eminentaj esperantistoj el Germanujo. Pro vigla intereso kaj partopreno de la komercistaro ebliĝis la malmultekosta eldono. La libro enhavas sur 128 paĝoj (en mono'a formato) detalan gvidilon tra Dresden kaj aron da interesaj verkaĵoj priesperantaj, tiel ke ĝi estos ne nur fidinda gvid-libro por fremduloj, sed ankaŭ valora, klariga kaj propaganda libro en manoj de ĉiuj neesperantistoj kaj esperantistoj. Por la lastaj ĝi havas precipan valoron, ĉar la aĉeto de la libro rajtigas je parto-preno en konkurso, por kiu la eldonisto kiel premiojn donos librojn el sia propra kaj aliaj germanaj edonejoj (laŭ elekto). Ĉar la kon-kurso finiĝos la 10an de Septembro 1911, tuja mendo estas rekomend-inda. — La libro kostas 30 Pf., eksterlanden je 2 respondkuponoj

tiom da allogaĵoj: Dresden mem, la unika I. H. E., kunvenoj specialaj dum la kongreso de Saksa Ligo, U. E. A., T. E. K. A., V. E. L., paroladoj, koncertaj kaj teatraj prezentaĵoj ktp. — Kial n e veni kaj konatiĝi kun la esperantistoj eksterlandaj kiuj, irante Antwerpenon, pretervojaĝante vizitos Dresdenon? Koran bonvenon al ĉiuj!

Intertempe vesperiĝis kaj ni forlasas tiun halon. Ĉie eklumas la elektraj lampetoj, kiuj desegnas fajre la liniojn de la konstruaĵoj ĉirkaŭ la ĉefplaco, kaj kiuj eĉ rampas ĝis la pinto de l' turo, kiu regas la ekspozician teritorion — belega bildo, kiun neniu vidanto povas forgesi. Post fortiga dormado morgaŭ mi denove gvidos vin. Ĝis la revido morgaŭ (t. e., karaj gelegantoj, post ses semajnoj)! *J. K.*

## Wer gibt Antwort?

(Abschrift.)

Bromberg, den 9. Juni 1911.

An den
Deutschen Weltsprache-Bund
z. H. des Herrn Fritz Fasse,
Charlottenburg
Wielandstr. 7.

Sie haben an die Esperantisten Deutschlands ein Rundschreiben versandt, in dem Sie zu einer freimütigen Kritik von Ido auffordern. Ich mache gern von dieser Aufforderung Gebrauch und erlaube mir, Ihnen in der Anlage eine Postkarte zu übersenden, auf der die Betonungslehre in Esperanto und Ido enthalten ist. Ich habe mich schon vergeblich an verschiedene Idisten gewandt, um von ihnen eine Aufklärung zu erhalten, weshalb die Betonungslehre in Ido besser sein soll als in Esperanto, weshalb es z. B. richtiger ist, zu betonen, **re**vuo statt rev**u**o (Revue), oder en**e**rgio statt energ**i**o (Energie), und ich bitte Sie daher, sich zunächst zu diesem Punkte zu äussern. Sollte sich eine Einigung auf diesem Gebiete ergeben, so werde ich mir erlauben, alsdann auch andere Punkte anzugeben, bei denen ich Esperanto für wesentlich besser als Ido halte, um Ihre Meinung zu erhalten. Da Ido im Gegensatz zu Esperanto sich in fortwährender Aenderung befindet, so kann ich mich bei meiner Kritik nur an das halten, was zurzeit gerade das gültige ist. Sollte ich dabei etwa inzwischen eingetretene Aenderungen übersehen haben, so bitte ich um Entschuldigung. Hochachtungsvoll

(gez.) *Dro M. Kandt.*

Auf dieses Schreiben gab der Deutsche Weltsprache-Bund, Berlin, eine Antwort, in der sich die deutschen Idisten ein glänzendes Armutszeugnis ausstellen. Es erinnert dieser Brief an eine bekannte Anekdote von Rothschild. Dieser wurde einst von einem Geschäftsfreunde gefragt, wie er über Argentinien dächte. Darauf rief er seinen Prokuristen, Herrn Müller, und sagte ihm: „Herr Müller, bitte sagen Sie doch meinem Geschäftsfreunde, wie ich über Argentinien denke.“ Die deutschen Idisten überlassen es also Herrn Couturat, sich zu äussern, und das betreffende Schreiben von ihnen lautet wie folgt:

„Wir bestätigen dankend den Eingang Ihres geschätzten Schreibens vom 9. cr. Wegen der grossen Arbeit, die in unserer Geschäftsstelle jetzt zu erledigen ist, können wir erst heute darauf zurückkommen und bitten höfl., die Verzögerung zu entschuldigen.

Es freut uns ausserordentlich, dass Sie mit uns in eine Kritik sprachlicher Fragen eintreten wollen, wovon wir das Beste für beide Teile erhoffen. Wir haben Ihr Schreiben an den Sekretär unserer Akademie, Herrn Prof. Couturat, Paris, weitergegeben, da wir diese Stelle für die kompetenteste zur Erörterung derartiger Fragen ansehen. Antwort wird Ihnen in nächster Zeit von dort zugehen.

Mit vorzüglicher Hochachtung
Deutscher Weltsprache-Bund.
(gez.) I. A.: *Fasse.*“

*Anm. d. Red.* Eine derartige Erledigung der Anfrage erscheint allerdings sonderbar. Erst fordert man mit tönenden Worten zur Kritik auf, und erfolgt daraufhin eine solche, die durchaus sachgemäss ist, dann weiss man nichts zu erwidern, sondern muss erst den Ido-Papst um Rat fragen. Wahrscheinlich wissen die Berliner Weltsprachebündler ebensowenig über die Regeln der Betonung im Ido wie ihre Nürnberger Kollegen, die, nach dem freimütigen Bekenntnis eines dortigen Anhängers, von den vor einiger Zeit eingeführten Betonungsregeln keine Ahnung haben. Sie betonen nämlich nach wie vor „lundio“, „kordio“ usw., aber sie sagen „filio“! O, „einfachste und regelmässigste Hilfssprache“, mit welcher Leichtigkeit und Richtigkeit wirst du von deinen Jüngern angewandt!

## Danĝera eltrovaĵo.

De F. W. Nather-Görlitz.

Estis terure varmega tago en Aŭgusto. Sinjoro Habakuk Tedulo, la honorinda redaktoro de la „Semajno de l' Inteligenteco“, sidis antaŭ la redakcia tablo kaj skribadis ŝvitegante la finon de ĉefartikolo pri „Evolucio de l' homa prudento“. Tiu ĉi artikolo estis presota jam en la plej proksime aperonta numero de la revuo kaj la kompostistoj ĝin jam postulis malkvietege.

Subite iu ekfrapis laŭte kaj fortege la pordon. Eniris viro, vestita per nigra longa vesto kaj per ridinde altega cilindroĉapelo. Senceremonie, sen ia invito flanke de Sinjoro Tedulo, li sidiĝis sur seĝo, proksime apud la skribotablo de la redaktoro, kiu fervore daŭrigis sian laboron.

„Bonpenso estas mia nomo, F. G. D. Bonpenso,“ komencis la enirinto ladsonvoĉe.

„Bedaŭrinde mi ne havas tempon, rigardi vin,“ respondis ĉagrenite Sinjoro Tedulo. „Ĉar mi estas okupita per pli serioza laboro — —“

Dume li daŭrigis skribadi, ne donante eĉ unu ekrigardon al la vizitanto.

„Tion mi bone rimarkas,“ diris Sinjoro Bonpenso. „Tamen mi petas vin, donaci al mi nur kelkajn minutojn de via tempo certe valorplena.“

Dirinte tion, li nur nun demetis sian cilindroĉapelon de la kapo kaj daŭrigis:

„Rigardu, Sinjoro, ĉi tiun ĉapelon kaj poste diru al mi, kia aĵo ĝi povas esti.“

„Ne babilaĉu, mi petas, tiajn malsaĝaĵojn,“ ekkriis sinjoro la redaktoro. „Mi absolute ne interesiĝas pri iu ajn ĉapelo — —“

„Bone, Sinjoro! — Sed tiu objekto ne estas ĉapelo!“

„Ne estas ĉapelo — —?“

„Tute ne! Ĉi tiu ĉapelsimila objekto plivere estas: „Aparato por plimalgrandigi la someran sunvarmegon“, mallonge dirite: „Somersunvarmegplimalgrandigaparato de la fama F. G. D. Bonpenso“. Ĝi estas tute originala maŝinaro, — aspektas precize kiel cilindra ĉapelo — ĉu ne vere? — — Nu, kion la homo nepre bezonas dum tia varmega vetero?“

„Miaparte,“ respondis Tedulo, „mi nepre bezonas vian tujan malaperon — — prenu la diablo vian malbenitan aparaton — —“

„Nu — —, tio, kion bezonas ĉiu kaj treege deziras en tago kiel la hodiaŭa — estas malvarmigo, refreŝigo — — Kiamaniere nun trovi ĉi tiujn du gravajn faktorojn? Se vi volas scii, kio estas agrableco, tuj vi tion povos ekscii per tiu ĉapelsimila eltrovaĵo de eminenta viro. Sed kiel? Mi tuj ĝin klarigos al vi. — Se oni kunpremas en vazo aeron tiel longe, ĝis kiam estas produktita sufiĉe granda premo kaj subite liberigas la aeron, tiam kaŭzas la rapida etendiĝo, ke la aero akceptas varmegon kaj sekve rimarkebla grado de malvarmo estas la rezultato — — — sed per tio mi certe nur rakontis al vi memkompreneblaĵon — —“

„Malspritaĵon — pli vere —! Mi preferas, ke vi kunpremu vian propran aeron kaj poste etendu ĝin en la orelojn de aliaj personoj, ne en la miajn,“ eksonas apude la kolertremanta voĉo de Sinjoro Tedulo.

„Dum eltrovado de mia „somersunvarmegplimalgrandigaparato“ mi utiligis al mi tiun belan naturleĝon en maniero, destinita iĝi nemezurebla bonfaro al la tuta homaro. Tiu ĉi stranga ĉapelo estas farita el maldika kaldronlado kaj tegita per silkaĵo. En la estanta momento ĝi eltenas premon de kvardek funtoj po kvadratcolo — — — Ĉu ne grandioza afero? Se nun la ĉapelo eksplodus, dum mi ĉi tie sidas, ĝi certe krevigus la tegmenton de ĉi tiu domo — —“

„Se almenaŭ vi mem pereus okaze de tio, — — mi tion tute ne bedaŭrus!“ ekkriis Sinjoro Tedulo.

„Nu do, tiu mirinda maŝinaro estas manuzebla laŭ jena maniero: La aerpumpilo estas kaŝita sur mia dorso sub la vesto. Tubo kunigas ĝin kun ujo en mia ĉapelo. En la maldekstran kruringon de mia pantalono iras levilo firmigita en mia boto. La nura movo ĉe l' irado sufiĉas por pumpi aeron en la pridiritan ujon Sed kiel mi faras la procedon de l' malvarmigo?

Aŭskultu do, mi petas. Plua tubo kondukas el la aerujo kaj eniras en subĉemizon ferladan, tratruitan, kiun mi portas sub ĉemizo supera —“

La bedaŭrinda redaktoro iĝis furioza.

„Se vi prefere portus ion sur via ĉemizo, kaŝantan ties malpurecon, tiam vi certe aspektus pli bele — — —“

„Imagu do. Ni havas, kiel hodiaŭ, varmegan tagon. Mi promenadas tra la stratoj, portante ĉe mi la aparaton. La aerujo estas plenigita je aero. Mi volas min malvarmigi. Mi do tiras je ŝnuro pendanta en mia maldekstra maniko. La aero elfluegas el la aerujo, etendiĝas ĉirkaŭ mia korpo kaj venigas al mi tian multon da malvarmo, ke mi deziras, ke mi estu preninta mian surtuton — —“

„Mi treege deziras, ke vi tuj iru hejmen kaj alportu ĝin,“ mokis Sinjoro Tedulo.

„Vi do klare vidas, ke mia eltrovaĵo estas ege valorplena kaj de plej granda scienca graveco. Per mia vizito mi intencis, doni al vi okazon por priskribado kaj recenzo en via ŝatinda „Semajno de l' Inteligenteco“. Vi, Sinjoro, estas la ĝis nun sola gazetisto, al kiu mi komunikis mian gravan sekreton. Sekve vi havos belegan okazon, iĝi granda bonfaranto al la homaro — —“

„Tiaj bonfaroj apartenas en la inferon, mia kara,“ interrompis la redaktoro la babilemulon.

„Por certigi vin, Sinjoro Redaktoro, ke mia aparato estas taŭga kaj perfekta por la pridirita celo, vi ĝin mem provu! Ekstaru, mi petas, kaj senvestigu vin. Poste mi surmetos al vi la ĉapelon, ŝraŭbos sur vian estimindan dorson la pumpilon kaj ordigos la ceteran meĥanismon laŭlonge de via kruro.“

„Pli frue mi pendigus vin, senhontulo,“ tondris Sinjoro Tedulo kriegante, nun perdinte la paciencon.

„Vi ne volas? Do mi surmetos la maŝinaron sur mian propran korpon kaj montros al vi ĝian neriproĉindan funkciadon. Jen vidu tiun ĉi bastoneton, enirantan en mian kruringon. Tio estas la aerpumpilo; ĝi troviĝas precize supre de la butonoj de miaj ŝelkoj — —. La ĉapelo nun enhavas ses atmosferojn — —. Nun mi estas preta iradi — unu — du —, unu — du —; la sole aŭdebla brueto estas mallaŭta krakado de l' pumpilo — —, unu — du —, unu — du —; ankoraŭ kelkajn puŝetojn — —. Nun pripalpu, mi petas, per via mano mian kolumon kaj konvinku vin mem, kiel proksima ĝi estas al la glaciĝpunkto —; nun mi pliigos la premon ĝis okdek funtoj, antaŭe —.“

„Krak — krak — bum, krak — bu — u — u — m — kra — ak!“ Terurega bruado kaj krakado subite tondris tra la redakteja ĉambro

— — —, du ekkrioj — —, poste ĉio estis kvieta — — tomba silento — —.

Tuj kiam Sinjoro Tedulo povis klariĝi pri la seriozeco de sia bedaŭrinda situacio, en kiu li troviĝis sen propra kulpo, li plenpene rampis el sub la skribotablo renversita, forviŝis per helpo de l' nefinita manuskripto de la ĉefartikolo la enhavon de inkujo de sur sia kapo kaj vizaĝo kaj rigardis timeme ĉirkaŭen.

Sinjoro Bonpenso kuŝis sur la planko, proksime apud la muro en kontraŭa angulo de l' ĉambro, la kapon en kraĉujo. Sur siaj kruroj li havis pecojn de disrompita tablo; eroj de la diskrevinta „somersunvarmegplimalgrandigaparato" elrigardis el grandegaj ŝirtruoj en pantalono kaj vesto.

Tra dekduo da truoj travidiĝis la ferlada ĉemizo — —

La redaktoro ekprenis la malfeliĉan eltrovinton je la kruroj, penante lin fortiri. Tiu ĉi klopodis malfermi la okulojn, ĝemante:

„Terurega bato — ĉu ne vere? Kial vi ne havas fulmoforigilon sur la tegmento? Mi estas fulmotrafita — ĉu ne vere?"

„Vi azeno, vi neplibonigebla — vi," ekkriegis kolerege Sinjoro Tedulo; dume alrapidis, kun terurpalaj mienoj, la sekretario redakcia kaj la raportisto, kiuj penis helpi al Sinjoro Bonpenso ekstari.

„Neresanigebla frenezulo! Tio ja ne estis fulmobato," klarigis Sinjoro Tedulo. „Via infera maŝino, kiun vi, mizerulo, volis meti sur mian senkulpan kapon — ĝi sola kaŭzis tiun spektaklon —; se la eksplodo estus ĵetinta vin almenaŭ kvardek klaftojn sub la teron — —, mi vere ĝojus pri tio — eĉ se tiu domo estus iomete difektiĝinta!

„Kion mi aŭdas? — Do la aerujo krevis — ej, ej, ej — domaĝe, tre domaĝe —. Sed mi pensis, ke ĝi estas sufiĉe forta por elteni la duoblan premon. Mi do eraris en miaj prikalkuloj — —," diris Bonpenso, klopodante kunfliki sian veston kaj premante sian poŝtukon sur la nazon.

„Sed baldaŭ mi fabrikos alian — —, mi certe revenos, por montri al vi, kiel ĝi funkciadas — —"

„Se vi efektive estos tiel senhonta kaj aperos ĉi tie ankoraŭ nur unu fojon, mi certege disrompos viajn ostojn aŭ disbatos vian malbenitan kranion per tiu ĉi ŝtala inkujo!" Dirinte tion, Sinjoro Tedulo elĵetis la faman eltrovinton tra la malfermita fenestro sur la straton — — —

La redaktoro de la „Semajno de l' Inteligenteco" jam ne presigis la artikolon pri „Evolucio de l' homa prudento", sed elektis pli praktikan temon por la ĉefartikolo, nome: „Necesego de pligrandigitaj frenezulejoj".

## Demando.

34. Kiam Dro Esperanto en la jaro 1887 eldonis sian unuan lernolibreton, la nova lingvo posedis 900 vortojn kaj 30 afiksojn. La evoluo de nia lingvo ĝis nun kreskigis la vortaron ĝis la kvarobla amplekso (laŭ Boirac 3686 aprobitaj vortoj), tiel ke efektive estas eble, kun sufiĉa pripensado, traduki ĉiujn vortojn kaj ĉiun ideon de la naciaj lingvoj. Kiom malmulte da vortoj ja uzis niaj grandaj herooj de l' spirito por la kreado de siaj senmortaj verkoj! Kiu leganto havus la afablecon diri al mi la precizan nombron de la vortoj, uzitaj de Goethe, Schiller, Shakespeare, Dante ktp. en iliaj verkoj?

*v. E.*

 
# Diversaj informoj


## Atentu, Esperantistoj!

Ni petas ĉiujn esperantistojn, ne nur en Usono sed ĉie en la mondo, ke ili tuj skribu leteron aŭ poŝtkarton al „*The Office Window, The New York Mail, New York City,*" certigante al tiu grava kaj influa ĵurnalo, ke Esperanto vivas kaj ĉiutage kreskas. Plue petu, ke *The New York Mail* sendu sian propran delegiton al la Sepa Internacia Kongreso de Esperanto en Antwerpen, por konstati la faktojn pri la vera situacio de Esperanto kaj pri ĝia plena taŭgeco por ĉia uzado. Ni petas ĉi tiun helpon por usona propagando, ĉar antaŭ kelkaj tagoj la supre citita fako de tiu ĵurnalo presigis noton titolatan „Kie estas Esperanto", en kiu oni diras, ke la lingvo estas jam mortinta, kaj ke oni eksciis, ke la internacia lingvo tute malsukcesis, „ĉar la delegitoj ĉe internaciaj kongresoj povis pli bone interkompreniĝi per siaj gepatraj lingvoj ol per internacia lingvo!"

*El „Amerika Esperantisto".*

## Peto.

Okaze de kongreso de „Societo por la propagando kaj akcelo de l' sciencoj", al kiu partoprenos la ĉefaj scienculoj de nia lando kaj ankaŭ multaj oficialaj personoj, la prezidanto de nia Esperantista Societo intencas fari paroladon pri Esperanto, pri ĝia utilo kaj graveco, kaj speciale li volas insisti pri la demando: „Kiamaniere la ŝtata oficistaro povas helpi kaj protekti la esperantistan movadon?"

Ni estus tre dankaj al samideanoj, kiuj bonvolus helpi al ni, rekomendante al ni ian materialon, en kiu ni povos trovi ideojn kaj notojn, rilatajn al tiu ĉi lasta punkto. Certe inter la legantoj de Germana Esperantisto troviĝas multaj, kiuj povas kaj volas doni al siaj rumanaj samideanoj helpantan manon en la servo de la komuna afero.

La respondoj povos esti adresataj al S-ro Dro S. Kimel, prezidanto de la Societo Esperanto en Bukarest, Strato Coltei 16.

La Entomologia Laborejo de la scienca fakultato de Rennes (Francujo), senpage donas ĉiujn sciigojn, kiuj koncernas la uzotajn rimedojn por ekstermi la malutilajn insektojn.

Oni turnu sin al S-ro F. Guitel, *Prof. à la Faculté des Sciences de Rennes (France)*, sendante al li nomon aŭ specimenon de la ekstermota insekto.

## Dentkuracistoj kaj kuracistoj!

„*Zahnärztliche Rundschau*" volas doni al ni parton de sia gazeto por dentkuracistaj kaj kuracistaj artikoloj en Esperanto. Kunlaborantoj estas serĉataj! Tial mi petas vin ĉiujn, kiuj interesiĝas pri tio, kaj vin, kiuj volas kunlabori, sendu tuj vian adreson al la redakcio de „Zahnärztliche Rundschau", Berlin N.W. 23, Claudiusstr. 15. *Dentkuracisto H. Blum, Berlin-Wilmersdorf.*

## Alvoko.

Ĉiuj hemiistoj, kiuj intencas ĉeesti la Okan Internacian Kongreson de hemio aplikata, okazonta en Washington kaj New-York en Septembro 1912, kaj kiuj interesiĝas pri la ebla enkonduko de Esperanto por helpi la vizitantojn, kiuj ne parolas angle kaj la amerikanojn, kiuj ne parolas la lingvojn de la vizitantoj, estas petataj korespondi kun E. C. McKelvy, Bureau of Standards, Washington D. C. (Usono).

## Danko.

En la junia kajero de G. E. mi aperigis alvokon por la traduko de la libro Organizado de la intelekta laboro per la „Ponto". Tuj post la eliro de la gazeto mi ricevis multe da proponoj kaj mi sukcesis dividi la laboron inter la diversaj kunlaborantoj. Al tiuj sindonemaj kaj helpemaj amikoj mi esprimas publike mian sinceran dankon; iliaj nomoj staros en honora loko ĉe la kapo de l' libro. Ankaŭ al tiuj mi sincere dankas, kiuj post la 15a de Junio proponis sian helpon; sed ilian laboron mi ne plu bezonos.

Bern, 20. Junio 1911. *J. Schmid, L. K.*

## Freie Reisen

nach London, Paris, Kopenhagen, Hamburg, dem Harz und der Sächsischen Schweiz bietet der Internationale Verkehrsbund denjenigen Herren, welche bereit sind, Fragebogen durch Hotelbesitzer und Pensionsinhaber ausfüllen zu lassen, um diese zur Mitgliedschaft zu veranlassen. Die näheren Bedingungen sind vom Internationalen Verkehrsbund, Berlin W. 8, Charlottenstr. 34, einzufordern.

# Societaro.

## Jarkunveno de Centra Dana Esperantista Ligo en Odense

### 15an kaj 16an de Julio 1911.

Sabaton, la 15an. Ĉar oni opinias, ke la partoprenantoj de la kunveno alvenos tagmeze, de okcidento per la vagonaro je la 12²¹ horo kaj de oriento je la 12⁴⁷ horo, la Odense'aj esperantistoj venos al tiuj ĉi vagonaroj por akcepti la vojaĝantojn kaj akompani ilin al „Fyns Forsamlingshus", kie „Odense Esperantoforening" kunvenadas. — Je la 3¹/₂a posttagmeze oni kunvenas en „Flakhaven" por viziti la „preĝejon de la sankta *Knud*", la konatan ĝardenon de la legsocieto, la muzeon de H. C. Andersen, kiu estas aranĝita en la domo, en kiu nia mondkonata fabelverkisto naskiĝis, kaj la aliajn vidindaĵojn de la urbo. Je la 8a: kunvenoj por esperantistoj en la kunvenejo de la societo. — Kunvenpartoprenantoj, kiuj ne povas vojaĝi de Kopenhago antaŭ la 7⁵⁰ vespere je la sama tago, estos akceptataj en la stacidomo je la 12⁰⁵ nokte.

Dimanĉon, la 16an. Je la 9a: ŝipveturado al Stige, kiu estas bela malgranda fiŝistvilaĝo apud la Odense'a kanalo. En la gastejĝardeno oni matenmanĝos. Je la 1a: kunveno en „Fyns Forsamlingshus", de la reprezentantaro de C. D. E. L. kaj la delegitoj de l' kluboj. — Je la 3a horo: ekskurso al „Fruens Boge". — Je la 6a: tagmanĝo en „Fyns Forsamlingshus". — Je la 8a: propagandkunveno en „Fyns Forsamlingshus". La kunveno estos malfermata de la redaktoro de „Dana Esperantisto", poste estos propaganda parolado por Esperanto (en dana lingvo), muziko kaj kantado en Esperanto. Fine la ĉeestantoj kantos la „himnon".

Post la tagmanĝo kunvenos la partoprenantoj de la kunveno en „Grand" por trinki adiaŭan glason da vino, poste la eksterurbaj partoprenantoj estos akompanataj al la vagonaro, kiu forveturos orienten je la 11²⁷ (en Kopenhago lundon je la 7²⁰ matene) kaj okcidenten je la 12¹⁰.

Ni insiste petas pri baldaŭa mendo de la kunvenkarto, kiu kostas 1 Kr. (0,55 Sm.). La karto rajtigas eniron al la propaganda kunveno kaj la adiaŭfesto en „Grand". Al ĉiu partoprenanto ni tuj post la mendo de la kunvenkarto sendos la emblemon de l' jarkunveno, kaj ni insiste petas la partoprenantojn porti la emblemon videble.

Neesperantistoj kaj esperantistoj, kiuj ne partoprenos en la kunveno, povos aĉeti biletojn por la propaganda kunveno por 25 Oeroj.

Kiuj deziras partopreni en la tagmanĝo, devas samtempe kun mendo de la kunvenkarto ankaŭ mendi bileton por ĝi (prezo: 2 Kr. = 1,100 Sm. por fiŝaĵo, rostaĵo kaj glaciaĵo, sed sen trinkaĵo).

Ĉiun demandon pri la kunveno, traktadproponojn, mendojn de biletoj k. t. p. oni devas tiel baldaŭ kiel eble sendi al unu el ni subskribintoj, kiuj ankaŭ plezurege aranĝos mendon por ĉambroj en la hoteloj, inter kiuj ni speciale rekomendas „Fyns Forsamlingshus" kaj „Missionshotellet".

Por C. D. E. L.:

*Frk. M. Knudsen*, Bredstedgade 4², Odense.

*Frk. Astrid Rasmussen*, Kommuneskolen ved Sundholm, Amager Faelledvej, København S.

# Bibliografio.

*Ĉiuj libroj markitaj per steleto estas riceveblaj per:*
*(alle mit Sternchen versehenen Bücher sind erhältlich durch:)*
*Esperanto Verlag Möller & Borel, Berlin SW. 68, Lindenstrasse 18/19.*

***Das Esperanto ein Kulturfaktor,** Festschrift anlässlich des 6. Deutschen Esperanto-Kongresses in Lübeck, herausgegeben im Auftrage der G. E. A. von Dr. A. Möbusz, Lübeck. Preis 2 M.

In 30 Aufsätzen (25 in Deutsch und 5 in Esperanto) gibt dieses ausgezeichnete Buch ein wohlgelungenes Bild von der Entwicklung und dem jetzigen Stande der Esperantobewegung. Die einzelnen Kapitel behandeln, je aus der Feder eines auf dem betreffenden Gebiete erfahrenen Esperantisten: die Entwicklung der Esperantobewegung besonders in Deutschland, den Deutschen Esperanto-Bund, die Literatur, die Lehrmittel, Wörterbücher und Zeitungen, die Beziehungen des Esperanto zu Handel, Industrie und Technik, zur Polizei, seinen Nutzen für internationalen Post-, Telegraphen- und Eisenbahnverkehr, für Tourismus usw. Daran reihen sich Kapitel über Esperanto und Akademiker, Juristen, Studenten, Frauenbewegung, Arbeiter, Abstinenzler, Katholiken, Vegetarianer u. a. Endlich schliesst ein Artikel über die U. E. A., dem sich ein Verzeichnis der G. E. A. anschliesst, das Buch. Ein Bild des Meisters und eine Widmung desselben in Autogramm schmücken die ersten Seiten. — In der Tat ein vortreffliches Buch, das jeder deutsche Esperantist besitzen sollte, um alle Anfragen der Nichtesperantisten beantworten zu können; eine wahre Goldgrube, bestimmt für den, der in der Propagandabewegung tätig ist. *Dr. A.*

*

***Demandaro pri la Historio, Literaturo kaj Organizaĵoj de Esperanto por Esperantaj Ekzamenoj** de R. de Ladevèze. Friedrich Ader, Esperanto-Verlag, Dresden. Prezo 0,500 Sm. (por eksterlando 0,575 Sm.).

La aperon de tiu ĉi katehismo de Esperanto ni devas saluti kun ĝojo, ĉar ĝi forigas vere sentitan bezonon. Ĝis nun oni estis devigata serĉi informojn pri la esperanta afero en multaj libroj, kiuj parte estas multekostaj. Nun tiu ĉi 81-paĝa libreto prezentas al ni la tutan sciindan materialon en konciza, bone pripensita maniero. En ĉiu okazo, kiam al la verkinto ŝajnas necese, ke la studanto de la libro eksciu ion pli detalan pri la pritraktita demando, li aldonis piednoton, kiu atentigas pri la verkoj, el kiuj oni povas ĉerpi la detalojn. Laŭ la titolo la verketo devas servi speciale por esperantaj ekzamenoj; sed mi opinias, ke ĉiu esperantisto devas ĝin posedi. — Pri kelkaj punktoj de la libro mi ja ne konsentas. Sed ĉu mi rajtas kritiki laboron faritan de estrarano de nia ekzamena komitato? Do mi silentu!

*F. Ellersiek.*

*

***Ondino** (Undine) de Frederiko Barono de la Motte Fouqué. El la germana originalo tradukis K. Myslik. Esperanto-Buchhandlung A. Schönfeld, Wien. Prezo 0,500 Sm.

Jen la romantika rakonto, el kiu la multe ŝatata germana komponisto Lortzing ĉerpis la tekston de sia samnoma, ĉarma opero. Ĝis nun mi nur konas la lastan; des pli multe mi ĝojas, per Esperanto konatiĝi kun la originala verko kaj ekscii ĉiujn detalojn pri la travivaĵoj de la marknabineto Undine sur la tero. La rakonto estas vere bela kaj ĝi meritas esti konata en la tuta mondo. Pro tio ni danku la tradukinton, ke li prenis sur sin la esperantigon de la verko. La traduko estas sufiĉe bona, nur kelkafoje la stilo estas iomete pezeca. Tamen mi varme rekomendas la libron, des pli ke la tradukinto estas vilaĝa pastro, kiu oferas sian tempon kaj monon por nia afero.

*Ek.*

*

***Kelkaj vortoj pri teosofio,** parolado de S-ino Diou-Trouillon. Paris, Presa Esperantista Societo, prezo 0,125 Sm.

Ofte oni nun aŭdas, ankaŭ en la esperanta gazetaro, pri la movado teosofia, kiu ja estas kvazaŭ paralela al la nia. La esperantistoj dankos certe al la aŭtorino, ke ŝi en malgranda libreto konigis al ili la fundamentojn de spirita movado, kiu konsiderinde kreskas nun en ĉiuj terpartoj. *H. M.*

*

***10-spesdeka Biblioteko Esperantista.** Nova eldonaĵo de Esperanto-Propaganda Instituto-Leipzig. Prezo po kajero 0,100 Sm.

**N-ro 1a** Dro L. L. Zamenhof: **Kongresa Parolado en Washington.**

**N-ro 2a Propraj nomoj en Esperanto;** verkita de Profesoro P. Christaller.

**N-ro 3a** Heinrich Heine: **Libro de Kantoj** (Unua serio); trad. de Dro L. L. Zamenhof, L. Belmont k. aliaj.

Pri la valoro de malkara esperanta biblioteko oni ne povas dubi; la rimarkinda progreso de la malgranda Biblioteko de Esperanto Verlag Möller & Borel, kiu estas la unue eldonita de tiu speco, montras la ŝatatecon de malkaraj, neampleksaj legaĵoj. Espereble la supre anoncita Biblioteko bone sukcesos. La komenco jam estas kontentiga. Precipe la du unuaj libretoj estas vere rekomendindaj por legado kaj studado. *Ho.*

*

***Methodisches Lehrbuch der internationalen Hilfssprache Esperanto.** Vollständige Formen- und Satzlehre auf Grund der deutschen Sprachlehre, mit doppeltem Wörterverzeichnis, Uebersetzungsübungen und Literaturangaben. Von Johann Schröder. A. Hartlebens Verlag, Wien. Preis 2 M.

Die vorliegende zweite Auflage dieses Lehrbuches, die eine gründliche Bearbeitung der ersten Auflage des Wörterbuches darstellt, ermöglicht es jedem gebildeten Deutschen, an der Hand der Sprachlehre seiner Muttersprache in kurzer Zeit die internationale Hilfssprache Esperanto gründlich zu erlernen. Sprachlehre (Formen- und Satzlehre), ein erschöpfendes, doppelsprachiges und doppelteiliges Wörterbuch der Wurzelwörter, passende Uebersetzungs- und Leseübungen und ein reichhaltiger Nachweis über die stattlich angewachsene Literatur des Esperanto machen das Lehrbuch zu einem zweckmässigen für alle Berufskreise. *W.*

*

**Zehn Gebote für Anfänger (Dekalogo por Komencantoj)** von F. Mally, Görlitz, Landeskronstrasse 5. Selbstverlag des Herausgebers. Preis 0,75 M.

Nach den bekannten 10 Geboten für einen guten Esperantisten von Ĉefeĉ haben wir nun auch solche für Anfänger im Esperanto. Sie präsentieren sich auf einem Plakat, das für Unterrichtsräume gedacht ist. Die Gebote, die in Deutsch und Esperanto gedruckt sind, sollen die Aufmerksamkeit beim Unterricht herstellen und auch das vorzeitige Fernbleiben vom Unterricht verhüten. Die Befolgung dieser Gebote, die gute praktische Ratschläge darstellen, dürfte manchem Schüler des Esperanto die Freude am Studium unserer Sprache erhöhen. Was aber einen „ausgelernten Esperantisten" nicht erfreut, das ist die nicht gerade mustergültige Esperantoübersetzung der Gebote. In dieser Hinsicht sollte man Anfängern gegenüber sehr achtsam sein. *Ek.*

*

**Internacia Higiena Ekspozicio Dresden,** Majo ĝis Oktobro 1911 a. Ilustrita broŝuro eldonita de S-ro Dro Schramm-Dresden 20, kaj ricevebla de li kontraŭ respondkupono.

Tre atentinda eldonaĵo estas la broŝuro supre citita — ĝi donas en sufiĉe ampleksaj artikoloj de S-ro R. Maske (Dresden), ĝeneralajn kaj detalajn sciigojn pri la Internacia Higiena Ekspozicio. Tiuj sciigoj povas multe utili al la vizitantoj de l' ekspozicio, kaj por la nevizitantoj ili estas interesa legaĵo. Rimarkindan artikolon pri la I H. E. kaj la sporto verkis S-ro Dro H. Arnhold. La eldoninto mem, en speciala artikoleto, kore invitas al vizito de la Dresdena Antaŭkongreso por la Sepa, okazonta la 16an ĝis 18an de Aŭgusto en la ekspozicio. La broŝuro estas riĉe ilustrita kaj montras sur la kovrilo la efikan afiŝon de l' ekspozicio, la malfermitan okulon; ĉe la fino de l' verketo troviĝas longa listo de ekspozantaj firmoj, kiuj uzas Esperanton por korespondado, aŭ havas oficistojn parolantajn Esperanton, aŭ eldonis prospektojn en nia lingvo. — La fakto, ke povis esti eldonita esperanta broŝuro kun helpo de l' ekspozicia estraro, bone propagandas; ni uzu tiun okazon por akceli nian aferon, multoble mendante la broŝuron kaj ĉie montrante kaj disdonante ĝin. *J. K.*

*

Novaj Gvidlibroj:

**La Libera kaj Hanso=urbo Lübeck** kaj ĝia proksima ĉirkaŭaĵo. Esperantigita de la Lübeck'a Esperanto-Societo kaj eldonita de la Unuiĝo por fremduloj (Oficejo: Am Markt 15; prezo 0,200 Sm.); bele ilustrita per bildoj de la plej gravaj vidindaĵoj.

**Augsburg.** Eldonita de Esperanto-Grupo Augsburg. Havebla ĉe Esperanto-Oficejo Augsburg, Pferseerstr. 17. Prezo 0,200 Sm. (2 respondkuponoj). — Bela libro kun multaj ilustraĵoj kaj sufiĉe detalaj informoj pri la tieaj vidindaĵoj. Specialan atenton meritas la ĉefartikolo de Dro jur. E. Büttner, sindiko de la Komerca Ĉambro de Augsburg: „La industrio de Augsburgo".

**Bad Reichenhall,** internacia kuracloko en la germanaj Alpoj. Eldonita de la Esperantista Grupo Bad Reichenhall sub la aŭspicioj de U. E. A. Ricevebla ĉe la tiea Esperanto-Oficejo kontraŭ 1 respondkupono. — La riĉe ilustrita libreto estas fidinda gvidilo tra la fame konata banloko kaj tra ties kuracinstitutoj.

**Rouen.** Eldonita de „Normanda Stelo", 41 Rue de la Vicomté, Rouen (Francujo), Prezo 0,250 Sm. Rekomendinda libro por ĉiu esperantisto, kiu intencas viziti la urbon kaj la „Normandie" aŭ sin volas informi pri ili.

**Tra la lando Anjou.** Iniciativa Sindikato de Anjou (Maine-et-Loire, Francujo). Mendebla ĉe S-ro Moisan, 10 Rue du Fresne, Angers (M. & L.). Prezo 0,040 Sm. Malgranda libreto, kiu atentigas pri la ĉefaj vidindaĵoj de la nomita regiono.

**Ravenna.** Donaco al la membroj de la IVa Internacia Kongreso de Filozofio (Bologna, 6a—11a Aprilo 1911) de la komunumo de Ravenna, de Internacia Scienca Asocio Esperantista kaj de U. E. A. Havebla ĉe la Esperanto-Oficejo de Bologna (Italujo), Vallescuara 11. Prezo 0,400 Sm. — Pri tiu ĉi interesa libro jam estas raportita en la eksterlanda kroniko de tiu ĉi numero. La belaj kliŝoj de la libro laŭdezire estas prunte donotaj al esperantaj gazetoj. Oni sin turnu al la supre citita oficejo.

*

Komence de Julio aperos:

***La Reĝo de la Ora Rivero aŭ La Nigraj Fratoj** de John Ruskin; tradukis Ivy Kellerman, A. M., Ph. Dr. (Esperanta Biblioteko Internacia N-ro 18), Esperanto Verlag Möller & Borel, Berlin. Prezo 0,100 Sm.

Recenzo sekvos en la venonta numero.

# Oficialaj sciigoj de la Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.)

**Deutscher Esperanto-Bund (Eingetr. Verein) Geschäftsstelle: Bromberg, Neuer Markt 8.**

## Auszug aus der Niederschrift über die in Lübeck am 4., 5. und 6. Juni 1911 abgehaltenen Beiratssitzungen.

### 4. Juni.

Anwesend: Christaller, Gottgetreu, Hankel, Jahns, Kandt, Möbusz, Mybs, Rockmann, Rohrbach, Schiff, Stark, Tarnow, Winkelmann.

Die Leitung der Verhandlungen des Kongresses übernimmt satzungsgemäss der Bundesvorsitzende Dr. Mybs; zu Stellvertretern werden gewählt Dr. Möbusz, Prof. Rohrbach.

Für das Kongressbureau werden bestimmt zum Vorsitzenden: Kandt; zu Schriftführern: Christaller, Winkelmann; zu Vollmachtsprüfern und Stimmenzählern: Arnhold, v. Frenckell, Tarnow.

Es sollen Begrüssungstelegramme gesandt werden an: Se. Majestät den Kaiser, Se. Hoheit den Prinzregenten von Braunschweig, den Oberbürgermeister von Augsburg und Dr. Zamenhof. Die Aufstellung der Liste für die Begrüssungsreden wird Herrn Epstein überlassen. Die Reihenfolge der Reden für das Festmahl wird bestimmt.

**5. Juni.**

Anwesend: Arnhold, Christaller, Elb, v. Frenckell, Hankel, Kandt, Möbusz, Mybs, Rockmann, Rohrbach, Schiff, Tarnow, Winkelmann.

Als Ersatz für den aus dem Beirat ausgetretenen Herrn Luers werden vorgeschlagen: Arntz (Godesberg), Behrendt (Breslau), Börgermann (Krefeld). Börgermann wird gewählt.

Die in diesem Jahre ausscheidenden Beiratsmitglieder werden durch das Los bestimmt; es sind: Börgermann, Elb, Christaller, Gottgetreu, Rohrbach, Seemann, Stark, Tarnow, Thalwitzer, Vogler.

Es wird bestimmt, um den Turnus herzustellen, dass Börgermann und Seemann nach 2 Jahren, die übrigen Neugewählten nach 3 Jahren ausscheiden.

Als Preisrichter für die Entwürfe einer Postkarte und eines Gruppenschildes werden gewählt: Christaller, Elb, Rohrbach.

**6. Juni.**

Anwesend: Prof. Schmidt, Arnhold, Christaller, Elb, Epstein, v. Frenckell, Gottgetreu, Hankel, Jahns, Möbusz, Mybs, Orthal, Rockmann, Rohrbach, Schiff, Stark, Tarnow, Vogler, Winkelmann.

Schiff verliest einen Brief, das Weltspracheamt in Bern betreffend. Die Stimmung des Beirates diesem Amte gegenüber ist eine ablehnende.

Dem Ressort VII (Ausstellung) wird ein ständiger Ausschuss mit dem Sitz in Berlin zur Seite gestellt, der u. a. Ausstellungsmaterial beschaffen soll. Als Mitglieder desselben werden vorgeschlagen: Dr. Breiger, Redakteur Ellersiek und Frl. Raabe. Diesem Ausschuss werden zunächst 30 M. zur Verfügung gestellt. Die Herstellung eines Bundesabzeichens wird beschlossen.

---

## VI. Deutscher Esperantokongress in Lübeck.

Von verschiedenen Seiten wurden an den Unterzeichneten Anfragen nach den Bezugsquellen der anlässlich des Kongresses verausgabten Schriften, Photographien usw. gerichtet. Darüber sei folgendes mitgeteilt:

Die Festschrift ist im Selbstverlag der G. E. A. erschienen und durch die Buchhandlung von R. Quitzow, Lübeck, Breitestr. 97, für 2 M. zu beziehen. Mitglieder der G. E. A. erhalten sie von der Geschäftsstelle des Bundes direkt zum Vorzugspreise von 1,50 M.

Der Führer durch Lübeck wird vom Verein zur Hebung des Fremdenverkehrs in Lübeck zum Preise von 0,40 M. verkauft.

Bei der Geschäftsstelle des Bundes sind erhältlich:

a) das Festzeichen zu 1 M. Es eignet sich wegen seiner geschmackvollen Ausführung ganz hervorragend als Brosche, Hutnadel u. dergl. (Auch für Nichtkongressteilnehmer zu empfehlen!)

b) das Memoraĵo (Notizheft für Autogramme und dergleichen) 0,20 M.

c) seidene Esperantofähnchen, 0,40 M.

Photographien liefert:

1. Photograph H. Feldt, Lübeck, Breitestr. 31.
a) Grosses Gruppenbild der Kongressteilnehmer, 30 × 40 cm, 3 M.
b) Vorstand der G. E. A., 10 × 15 cm, 1 M.
c) bis e) Esperantoausstellung in der Katharinenkirche, 3 verschiedene Aufnahmen, 13 × 18 cm, à 1 M.

Dieselben Aufnahmen auf Postkarten, dazu ferner:

f) Dampferfahrt nach Schwartau,
g) u. h) Dampferfahrt nach Travemünde; jede Karte 0,25 M.; die ganze Serie von 8 Karten 1,50 M.

2. Photograph H. Westphal, Lübeck, Königstrasse 53:
a) Gesamtgruppe im Schabbelhaus, 18 × 24 cm, 2,50 M.
b) Kostümgruppe desgl., 18 × 24 cm, 2,50 M.
c) Gruppe der 4 aufführenden Personen, 13 × 18 cm, 1,50 M.
d) Gruppe der Examinatoren und Examinierten, 13 × 18 cm, 1,50 M.

Dieselben Aufnahmen auf Postkarten à 0,25 M.

Alle obigen Preise verstehen sich ausschliesslich Porto und Verpackung.

Ein ausführlicher Bericht über die Arbeitssitzungen und der Geschäftsbericht des Herrn Dr. Kandt werden auf mehrfachen Wunsch als besonderes Heft erscheinen und den Gruppen zugesandt werden. Weitere Exemplare sind von der Geschäftsstelle des Bundes, Bromberg, Neuer Markt 8, zum Preise von 50 Pf. zu beziehen.

*Der Kongressausschuss.*
*Dr. A. Möbusz.*

## Rednerliste der G. E. A.

Auf unseren Aufruf hin erklärte sich eine Anzahl Herren bereit, den Bundesinteressen durch Uebernahme von Propagandareden zu dienen. Nähere Bedingungen sind mit den Rednern direkt zu vereinbaren oder vom Ressort V, Abt. Rednerliste, Dresden, Hauptstr. 38, zu erfahren.

Von den meisten der Herren erhielten wir die erbetenen Zeitungskritiken über bisher gehaltene Reden. Da wir jedoch nicht in der Lage waren, uns eingehend über die Fähigkeiten der einzelnen Herren zu erkundigen, wird die Liste auf Beschluss der Beiratssitzung in Braunschweig ohne Verbindlichkeit für den Bund veröffentlicht.

Wir bitten zugleich weitere Mitglieder des Bundes, die bereit sind, Propagandareden unter den bekannten Bedingungen, darunter Vergütung der Reisekosten II. Klasse und Tageskosten 10 M., im Interesse des Bundes zu halten, sich mit uns in Verbindung zu setzen.

Es meldeten sich folgende Herren:
Dr. Kandt, Bromberg, Neuer Markt 8.
E. Stark, Lehrer und Stadtverordneter, Magdeburg, Kaiser-Friedrichstr. 1, Tel. 3205.
Dr. Möbusz, Lübeck, Falkenstr. 12, Tel. 1385.
Dr. Orthal, Nürnberg, Königstr. 15.
W. Beideck, Augsburg, Pferseerstr. 17, Tel. 2386.
Dr. Arnhold, Dresden, Gellertstr. 1, Tel. 3418.
P. Tarnow. Barmen, Brucherschulstr. 7.
v. Frenckell, Dresden, Comeniusstr. 79, Tel. 9623.
Hanns Viereck, Cöln, Weissenburgstr. 68.
P. Christaller, Professor a. d. Kunstgewerbeschule, Stuttgart.
F. Fleck, München, Türkenstr. 96 (z. Z. Paris).
S. Freund, Breslau VII, Moritzstr. 50.
P. Pjetschka, Gleiwitz O.-Schl., Zabrzstr. 22.
M. Zschiedrich, Lehrer, Nossen i. Sa.
I. Hauer, Schw.-Gmünd, Heugenstr. 11.
F. Mally, Görlitz, Landeskronenstr. 5.
C. Sommer, Chemnitz, Markusstr. 28.
W. Steinke, Lehrer a. D., Flatow, Westpr.
H. Hurler, Ingenieur, Dresden, Lüttichaustr. 30.
A. H. Rudolf, Cottbus, Dresdnerstr. 27.
W. Fricke, Bremen, Düsternstr. 131.
E. Wichert, Charlottenburg, Leibnizstr. 25.
K. Steier, Leipzig, Kaiser-Wilhelm-Strasse 15.
Sämmer, Gräfl. Privatsekretär, Wechselburg.

## Eingaben von Ortsgruppen, betreffend Einführung von Esperanto.

Wir beginnen heute mit der Veröffentlichung des Wortlauts von 2 Eingaben, die unsere Ortsgruppen an die betreffenden Stellen richten mögen. Diese beiden Vorschläge rühren von der Gesellschaft Esperanto in Dresden her. Hoffentlich kommen von anderen Seiten ähnliche Vorschläge. Untenstehend die erste.

*Der Vorstand.*

An die Direktion der Strassenbahn

zu . . . . . . . .

Die unterzeichnete Esperantogruppe . . . . . . . . gestattet sich, bei der hochgeehrten Direktion der Strassenbahn in Anregung zu bringen:

Eine Anzahl Strassenbahnbeamter in der internationalen Hilfssprache Esperanto ausbilden zu lassen.

Die unterzeichnete Gruppe würde für den Fall, dass dieser Anregung Folge gegeben würde, gern bereit sein, unter günstigsten Bedingungen den erforderlichen Unterricht zu erteilen und nach Abschluss des Lehrgangs für die Fortbildung der betreffenden Beamten Sorge zu tragen.

Da vielleicht der geehrten Direktion nicht bekannt sein dürfte, in welcher Weise Esperanto bereits jetzt im Dienste des Fremdenverkehrs unter den Strassenbahnbeamten Verwendung findet, so sei darauf hingewiesen, dass nicht nur in Dresden, München, Frankfurt a. M. und anderen deutschen Städten, sondern auch im Auslande, beispielsweise in Rotterdam und Kopenhagen, Strassenbahnbeamte in Esperanto ausgebildet wurden. Ueberall wurde Esperanto mit gutem Erfolg angewandt.

Da die internationalen Beziehungen von immer grösserer Wichtigkeit werden, mithin auch der Fremdenverkehr immer internationaler wird, wächst angesichts dieser Tatsache immer mehr das Bedürfnis nach einem einheitlichen Verständigungsmittel zwischen den Angehörigen der verschiedenen Nationen. Das moderne internationale Leben erfordert gebieterisch eine internationale Sprache. Die Erhebung einer nationalen Sprache zur internationalen Verkehrssprache ist nicht möglich und auch aus vielen Gründen nicht wünschenswert, ausserdem ist die Erlernung für den Verkehrsbeamten zu kostspielig, schwierig und zeitraubend.

Darum kann nur dringend die Erlernung der Hilfssprache Esperanto empfohlen werden. Es gibt keine zweite Sprache, die so viel Vorteile bietet und sich so ausgezeichnet als internationales Verständigungsmittel eignet wie Esperanto.

Esperanto hat nicht den Zweck, die nationalen Sprachen zu verdrängen, sondern es will den verschiedenen Völkern eine gemeinsame Hilfssprache für den mündlichen und schriftlichen Verkehr bieten. Sie muss so leicht zu erlernen sein, dass sie jeder auch nur mit elementaren Kenntnissen Ausgerüstete sich rasch und sicher aneignen kann.

Wegen der Vorzüge, welche Esperanto bietet, ist es für den Strassenbahnbeamten, der inmitten des Fremdenverkehrs steht, ein dringendes Bedürfnis geworden, sich mit dem internationalen Verkehr und modernen Anforderungen auf dem Laufenden zu halten und Esperanto zu erlernen.

Es dürfte erwartet werden, dass das gute Beispiel, das die Strassenbahndirektionen vorgenannter Städte durch die Förderung des Esperantounterrichts bei ihren Beamten gegeben hat und der Umstand, dass durch die Kenntnisse auch der Fremdenverkehr gefördert wird, auch für die Strassenbahndirektion unserer Stadt vorbildlich wirken sollte.

Einer hoffentlich recht günstigen Entscheidung gern entgegensehend, zeichnet

in vorzüglicher Hochachtung

ergebenst

Deutscher Esperanto-Bund, Ortsgruppe . . . . . . . . .
Der Vorsitzende: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Adresse: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

## 100 000 Mark-Fonds.

Achte Liste der eingegangenen Bausteine.

Frau Geheimrat Preibisch, Reichenau i. S., 1; Georg Kossak, Königsberg i. Pr., 2; Oberstabsarzt Dr. W. E. Dietl, Graz, 1; Kassel'a Esperantista Societo, Kassel, 3; Rudolf Pridat, Potsdam, 1.

Zusammen 1093 1/2 Bausteine = **10 935,— M.**

Ausserdem Serie II: 310,— M bedingte Zeichnungen.

## Gothaer Propagandafonds.

| | |
|---|---|
| Franz Schmuckerschlag, Rodenkirchen . . | 2,— M. |
| Vergl. G. E. 1910, S. 272 . . . . . . | 364,85 „ |
| | 366,85 M. |